# INTERNACIA KULTURO

V JARO N-ROJ 3-4 1950




MELNIK — MALNOVA PITORESKA URBO EN BULGARIO

# La mondo vin vokas

☆ VIII Ĉeĥoslovaka Esperanto Kongreso okazos dum Pentekosto, 27.-29. de majo ĉijare en Brno. Malgraŭ la malfrua komisio pri la aranĝo, la Brna esperantistaro klopodos okazigi dignan kunvenegon de la tutŝtata samideanaro.

Sabatan rekontiĝan kaj inrekonatiĝan vesperon kun danco buntigos esperantaj kanzonoj prezentitaj de famaj esperantistoj artistoj-profesiuloj. Dimanĉe okazos solenmalfermo, laborkunsidoj, solena artvespero, kun artisme altnivela programo. Rolos, kantos, recitos, muzikos lokaj samideanoj artistoj kaj membroj de Verda Stacio. Okazos plene esperantlingvaj deservoj katolika kaj ĉehoslovak-eklezia kun preĝejaj solkantojen Esperanto. Lunde oni ekskursos al la bela ĉirkaŭaĵo kaj al la proksima fama kaj unika stalagmita grotaro de Moravia Karsto, abismo Macoĥa kun fabela boatado sur iluminita surtera gnomregna rivero. Eksterlandaj gastoj estas dezirindaj kaj bonvenontaj.

**FRANCIO**

☆ Melat Andre 10 rue Diderot — Tarbes (Hautes Pyrenées) **Francio**, laboristo dez. kor. kun ka maradoj el ĉiuj landoj.

**HUNGARIO**

☆ L. Szkarossi, Gyoma Dozsastr 45 dez. interŝanĝi p. m.

**ITALIO**

☆ Deziras korespondi: G. Rossetti, Via v. Colonna 21, Milano, Italia.

**JAPANIO**

☆ Ni deziras korespondi: F-ino Kazuko Taŝiro interŝanĝi poŝtmarkojn filatelie k. diversaj temoj, oficistino 23-jara, Ĉijo-maĉi 3 ĉome 5. Fukuoka-ŝi, Japanio.

☆ K-do Suejoŝi Harada, 23-jara oficisto, pri laborista problemo. Ĉe s-ro Iĉihava, Masugoja-ĉo 57—1, Fukuoka-ŝi, Japanio.

☆ K-do Motoŝige Katoo, 23-jara oficisto, pri kino kaj teatraĵo. Ĉijosoo 4-kumi, Ĉijomaĉi, Fukuoka-ŝi, Japanio,

☆ F-ino Junko Morooka, 19-jara, pri modo kaj problemoj de laboristinoj. Harujoŝi 6-kenja — maĉi 533 Fukuoka-ŝi, Japanio.

★ F-ino Ricu Tomoda, 25-jara pri diversaj temoj. Maidaŝi-Honmaĉi 1025, Fukuoka-ŝi, Japanio.

☆ F-ino Mieko Joŝinaga, 19 jara oficistino pri diversaj temoj. Hommaĉi 2-kumi Zaŝŝonokuma Fukuoka-ŝigaj, Japanio.

☆ F-ino Hisae Harada, 23 jara oficistino, pri diversaj temoj. Ĉe s-ro Hisatomi, Kuraŝomaĉi 46 Fukuoka-ŝi, Japanio

☆ K-do Jasusuke Suemacu, 24 jara studento, pri muziko. Niŝiĵin-maĉi, Hondori 5-807 Fukuoka-ŝi. Japanio.

☆ F-ino Cunejo Noda oficistino, pri laboristina problemo. Ĉe Hekigarjo, 200 Zaŝŝonokuma. Fukuoka-ŝigai, Japanio

☆ F-ino Eiko Ohsaki, Maĉu — 1 kai 1go, Daimjo-apartamento, Daimjomaĉi, Fukuoka-ŝi, Japanio.

☆ F-ino Joriko Inoue, Macu 1-kai 1-go, Daimjo-apartamento, Daimjo-maĉi, Fukuoka-ŝi, Japanio.

☆ F-ino Nacuko Mizuta, Seibu-Hukuin — Renvakukjoku-kanŝa 6—2, Higaŝi-Daigakumae-maĉi, Fukuoka-ŝi, Japanio.

☆ K-do Ikuja Nonaka, 23-jara komizo, pri laborista problemo kaj literaturo. Ĉe Daiiti-Soten, Sinten-ĉo, Fukuoka-ŝi, Japanio.

★ S-ino Hukuko Sinomija, pri virinaj problemoj. Sinten-ĉo, Fukuoka-ŝi, Japanio.

# A T E N T O N !

***GESAMIDEANOJ EL LA TUTA MONDO!***

*„Internacia Kulturo" estas kultura kaj socia revuo de la Danubregionaj esperantistoj kaj de ĉiuj demokrataj esperantistoj en la mondo. Ĝi estas kontraŭmilita, kontraŭfaŝisma, progresema kaj porpaca Esperanto-gazeto.*

*„Internacia Kulturo" estas eldonata de Bulgara Esperantista Kooperativo kaj presata en ĝia propra presejo „Esperanto". En la kooperativo membras kun kapitalo Bulgara Esperantista Asocio, ĉiuj esperanto-societoj kaj pli ol 500 individuaj membroj-esperantistoj bulgaraj. La varbado de novaj membroj daŭras senĉese.*

*Gesamideanoj, abonu kaj abonigu al „Internacia Kulturo"! Subtenante „Internacian Kulturon", vi subtenas la estontecon de nia movado, vi akcelas la batalon por justa demokrata paco, vi helpas la kulturon kaj la progreson!*

***PAGU SENPROKRASTE VIAN ABONON POR 1950!***

| Lando | Sendu la sumon al: | Jarabono |
|---|---|---|
| **ARGENTINO** . . . . | E. Eglesias Nunez, Dehesa 1860, Buenos Aires. | 8 pesoj |
| **AŬSTRALIO** . . . . | L. E. Pfahl, 37 Seymour Street, Croydon, N. S. W. | 12 ang. ŝil. |
| **AŬSTRIO** . . . . . . | Aŭstria Esp. Federacio, Wien, 1, Neutorgasse, 9. | 33 aŭstr. ŝil. |
| **BELGIO** . . . . . . | Flandra Esperanto-Instituto, P. van Humbeekstr. 3, Brussel W. | 100 fr. |
| **BRAZILO** . . . . . . | Brazila Ligo Esperantista, Praça da Republica, 54-sob. Rio de Janeiro. | 40 kru. |
| **BRITLANDO** . . . . | Univ. Esp.-Asocio, Heronsgate, Rickmansworth (Herts). | 12 angl. ŝil. |
| **BULGARIO** . . . . . | „Internacia Kulturo", str. Tri uŝi 15, Sofia. | 400 lev. |
| **ĈEĤOSLOVAKIO** . . | Ĉeĥosl. Asocio Esperantista, Praha II, Mala Štěpánska,7 | 100 kĉs. |
| **DANIO** . . . . . . . | Centra Dana Esperantista Ligo, Pr. Jorgensgade 4 A Kopenhago N, Danlando | 12 kr. |
| **EGIPTIO** . . . . . . | Tadros Megalli, P. B. 450, Cairo. | 12 angl. ŝil. |
| **FINNLANDO** . . . . | Eldono Vilho Setälä. Kommandiittiyhtiö Onnentie 23 Helsinki-kä | 400 fmk. |
| **FRANCIO** . . . . . . | Union Esp. de France, rue de Chabrol, 34, Paris X. | 550 fr. |
| **GERMANIO** . . . 1) | Arthur Schulze, Berlin — Lübars, Kolonic Waldesfrieden 77 (poŝtĉek-n. 105666) | 10 D. M. |
| 2) | Dr. Siegfried Ziegler — Verlag München — Pasing, Engelbertstr 7 | 10 D. M. |
| **HUNGARIO** . . . . . | Bela Berceli Budapest VIII, Rökk Szilard str. 28 | 24 forintoj |
| **IRLANDO** . . . . . . | Lorcan O'Huiginn, 1 Bothar Glasárd 16, Tor Fhionnabhair, Dublin (Eire). | 12 angl. ŝil. |
| **ISLANDO** . . . . . . | O. S. Magnusson, Bergstadastraeti 30 B, Reykjavik. | 13 kr. |
| **ITALIO** . . . . . . . | L. Minnaia, Vialle Guilio Cesare, 223 Roma. | 800 liroj. |
| **IZRAELIO** . . . . . . | Bencion Danon, kibuc Afikim, Emek-Ajarden | 500 prutoj |
| **KANADO** . . . . . . | Univ. Esperanto-Asocio, Heronsgate Rickmansworth, (Herst), Britlando. | 2.50 dolaroj |
| **MAROKO** . . . . . . | S-ino L. Fink, 5 rue Savorgnan de Brazza, Casablanca. | 550 fr. |
| **NEDERLANDO** . . 1) | Redakcio „La juna vivo" West. Grafdijk | |
| 2) | „Heroldo de Esperanto", Harstenhoekweg 223, Scheveningen. | 6 gld. |
| **NOV-ZELANDO** . . . | Bendon Clark, R. D. Makarau, via Kaukapakapa, Northland | 12 ang. ŝil. |
| **POLLANDO** . . . . | Isaj Dratwer, Warszawa Marszalkowska 81/32—Asocio de Esperantistoj en Pollando (Poŝtĉeka konto I 8266) | 500 zl. |
| **RUMANIO** . . . . . | Rumana Esp. Societo, Bukureŝti, Casuta Postala 9. | 240 leoj |
| **SVEDIO** . . . . . . | Einar Adamson, Värmlandsgatan 18, Göteborg. | 8 kronoj |
| **SVISLANDO** . . . . | O. Walder, Eigenheim, Romanshorn, Pĉk. VIII 12139. | 10 frankoj |
| **USONO** . . . . . . . | Libro-servo de „Amerika Esperantisto", 114 West 16 Street, New Jork 11, N. J. | 2.5 dolaroj |
| **USSR** . . . . . . . | Pagmaniero laŭ interkonsento | 25 rubloj |

**RIMARKIGO:** Ĉiu povas aboni ankaŭ rekte ĉe la redakcio, sendante al ni 20 respondkuponojn internaciajn aŭ egalvaloron en taŭgaj esperanto-libroj.

INTERNACIA KULTURO

KULTURA KAJ SOCIA REVUO DE LA DANUBREGIONAJ ESPERANTO-ASOCIOJ

MARTO-APRILO 1950

ADRESO: STRATO TRI UŜI № 15, SOFIA — BULGARIO

KVINA JARO N-RO 3-4

# AL AMASA SUBSKRIBO DE LA ALVOKO POR MALPERMESO DE LA ATOMA ARMILO

*La agado por subskribo de la alvoko, akceptita de Stokholma sesio de la Konstanta komitato de la Mondkongreso por la paco, komencis kaj disvolviĝas progresive en ĉiuj landoj.*

*Tiu alvoko estas konciza. Per malmultaj vortoj en ĝi estas ekspozitaj postuloj, kiuj staris sur unua loko en la batalo por evito de unu nova mondmilito. Tiuj postuloj per si mem estas konvinkigaj kaj kompreneblaj por ĉiuj homoj havantaj bonan volon. Al tiuj homoj sin turnas la Konstanta komitato.*

*„Ni volas senkondiĉan malpermeson de la atoma armilo kiel armilo por minaco kaj amasa estermado de homoj" — estas dirite en la alvoko.*

*La atoma armilo estas vere armilo por imperiisma minaco. Ĝin ne bezonas popoloj kaj registaroj, kiuj volas vivi en paco kaj ne havas konkerajn celojn, kiuj ne havas rabistajn strebojn. Ĝi estas armilo de la imperiistaj registaroj, kiuj decidis altrudi sian volon, subigadi kaj sklavigi aliajn landojn.*

*La atoma armilo estas destinita por amasa ekstermo de homoj. Per ĝi estas minacataj ne tiel la armitaj fortoj de certa lando, kiel la senarma kaj laboranta loĝantaro en urboj kaj vilaĝoj. Oni volas utiligi tiun-ĉi armilon por neniigado de tutaj urboj kaj por ekstermo de ilia tuta loĝantaro kune kun la virinoj kaj infanoj.*

*Pro tio en la alvoko estas dirite: „Ni opinias ke registaro, kiu unua aplikos la atoman armilon kontraŭ iun alian landon, faros krimon kontraŭ la homaro kaj ĝi devas esti konsiderata kiel milita krimulo".*

*Jam dum 1945 la soveta registaro proponis ke oni kontraktu internacian konvencion por malpermeso de la atoma armilo. Dum 1947 ĝi kompletigis kaj disvolvis sian proponon enŝlosante en ĝi postulon pri konstituo de internacia kontrolo, kiu atentos pri la rompo de la malpermeso.*

*Tamen la soveta propono por malpermeso de la atoma armilo renkontis la reziston de la imperiistaj registaroj ĉefrunte kun tiu de Usono. La amerikaj reprezentantoj faris ĉion eblan por enmeti en blindan straton la laboron de la komisiono ĉe AUP pri la atoma armilo.*

*Antaŭ ĉio la amerika registaro metis la malpermeson de la atoma armilo depende de la starigo de „internacia sekureco". Ĝi deklaris, ke ĝi ne povas rifuzi la uzadon de la atoma armilo ĝis kiam ne estos starigita tia „sekureco". Sed por ĉiu honeste meditanta homo estas klare, ke por ekzisto de sekureco, estas necese antaŭ ĉio ke estu malpermesata la atoma armilo.*

*La amerikaj reprezentantoj postulis ke anticipe estu aranĝata la problemo pri la internacia kontrolo sur la produktado kaj uzado de la atoma armilo. Sed la senco de ilia propono estis asekuri por si hegemonion en tiu kontrolo. Krome, ili insistis ke la kontrolo estu plilarĝigata sur la aliaj ekonomiaj fakoj, sur la tuta ekonomia vivo.*

*Neniu lando, kiu ŝatas sian sendependecon, povas akcepti tian kontrolon. Prave la anglaj scienculoj, kiuj okupiĝas pri la problemo de la atoma energio, konstatis en unu sia ekspozo rilate al la amerika plano pri la internacia kontrolo — la fama plano Baruh, — ke en ĝi estas antaŭvidataj celoj „pri subteno de la dominado de Usono en la sfero de la atoma energio".*

*Estas necesa severa internacia kontrolo, sed ne ke la aliaj landoj estu metataj sub la kontrolo kaj kuratoreco de la amerikaj kapitalistoj, sed ke estu kontrolata la plenumado rilate al la malpermeso de la atoma armilo. Nome tia kontrolo estas postulata en la alvoko de la Konstanta komitato.*

*Evidente la amerikaj imperiistoj ne deziras rifuzi la atoman armilon kiel rimedon por agresio kaj por altrudado de monda dominado. Tio klariĝis speciale evidente, kiam estis komprenate, ke la produktado de la atoma armilo ne estas jam amerika sekreto, sed ĝi estas konata en Sovetunio jam dum 1947 kaj ankaŭ, ke tie atombomboj estas uzataj por pacaj konstruaj celoj.*

*La sovetia registaro ne rezignas sian proponon por malpermeso de la atoma armilo. Male, ĝi denove insistas ke estu interkonsentata tiu problemo — ke la armiloj por amasa neniigado estu malpermesitaj entute, ke estu aranĝita efika internacia kontrolo kaj estu farita pakto de paco inter la grandaj potencoj.*

*Laŭ tute alia vojo ekmarŝis la registaro de Usono. Estis publikigita dekreto de Truman ke estu entreprenata pristudado pri produktado de superbombo kun pli granda detrua kaj neniiga forto. Kvankam tia bombo ankoraŭ ne estas produktita, la imperiistaj fanfaronuloj jam minacas per ĝi, ĉantaĝas kaj trumpetas, ke Usono denove havas „superecon" en la atoma armilo.*

*La amerikaj imperiistoj bezonas atoman bombon por minacadi la aliajn popolojn kaj landojn,*

# MINISTOJ

*Tibor Déry*

Ili interkonsentis antaŭ la pordo de la drinkejo.

— Jani! Post horkvarono ĉesos labori la tuta mino! — diris István Mészáros.

La vicŝaktisto kapjesis.

— Okaze de la duahora laborŝanĝo!

— Bone — diris János. — Vi iru al la Laborista hejmo. Mi iros al la enirejo de la ŝakto.

János, la vicŝaktisto estis dekjara, István Mészáros, ĉefŝaktisto, dekdu. La drinkejo, kie ili metadis siajn piedojn, estis kvadrato, kiun ili signis per sia kalkanumo sur la argila tero de la monteto. Cent paŝojn fore, ĉe la transa flanko de la monteto, kie oni povis vidi Danubon, estis la enirejo de la ŝakto, kiun simbolis ruinaĵo de partera domo. Antaŭ ĝi staris ok aŭ dek knaboj en la oktobra sunradio, kiu trabrilis eĉ la maldensan funebran vualon de la kamentubegoj de la fabriko W. M. Alia grupo da infanoj atendis iom fore, en kaduka veturilejo: en la Laborista hejmo.

— Momenton! — kriis János, la vicŝaktisto. — Kia mi estas?

— Uzina parti-sekretario — diris Mészáros. — Ne forgesu: uzina parti-sekretario! Kaj mi estas la ĉefsekretario de la franca minista organizaĵo.

— Uzina parti-sekretario — ripetis la vicŝaktisto sulkigante siajn brovojn. — Kaj kian nomon mi havas?

— Jan.

— Tion neniu povos encerbigi — opiniis János. — Ĉu vi ne konas pli facilan nomon?

— Ne estas pli facila nomo — diris Mészáros. — Mia nomo estas Luj. Ĉu ni interŝanĝu ilin?

La uzina parti-sekretario manfrapis rezigne, poste per firmaj, rapidaj paŝoj li ekiris al la enirejo de la ŝakto. Sur lia nigrabukla kapo paradis malvokolora svisa ĉapo, kiun lia patro el Belgio alportis hejmen antaŭ du jaroj. En lia mano balanciĝis aerŝirma lampo nigre lakita. Kelkfoje la ĉapo glitis sur lian nazon, tiam li haltis kaj reŝovis ĝin per malrapida movo de sia manplato. Lia frunto palis pro la ekscitiĝo, ambaŭflanke sur lia nazo brilis po unu ŝvitero.

Li haltis antaŭ la enirejo de la ŝakto. Li fiksrigardis la ministan emblemon pentritan surmure, super la pordego, la du martelojn kruce metitajn kaj sub ĝi la devizon „Bonan ŝancon", kiu estis skribita per brilanta ruĝa olefarbo. Ortografia eraro ne troviĝis en ĝi. Li rigardmezuris ankaŭ la amason starantan antaŭ la enirejo. La amaso konsistis el sep knaboj kaj du knabinoj. Li denove nombris ilin.

— Kiu mankas? — li demandis severe. — Ilonka Bubos kaj?

— István Nagy ne venis — diris dek — aŭ dekdujara, ruĝhara knabo kun okulvitroj. — Kaj Ilonka nur iris flanken por sia afero.

LA VICŜAKTISTO denove rigardmezuris la konscian grupon de ekstrikontoj. Kvar infanoj havis aerŝirman lampon, kelkaj havis hakpioĉon; kiuj ne povis akiri tiajn tiuj alportis martelon, ferstangon aŭ lignokuleron.

---

*por altrudi sian volon al la Marshall'igitaj landoj kaj al siaj satelitoj en la nordatlantika pakto, por asekuri pli da merkatoj, fontoj por krudaj materialoj kaj grandegaj profitoj por la kapitalistaj monopoloj. La atoma armilo estas la esenca parto de la „integrala diplomatio" de Acheson, kiu enŝlosas ankaŭ plifortigadon de ĉiuj aliaj armaĵoj.*

*Ĉe tiu stato klare reliefiĝas la granda signifo de la internacia akcio por subskribado de la alvoko de la Konstanta komitato de la Mondkongreso de la paco. La imperiistaj registaroj ne deziras cedi antaŭ la argumentoj de la racio, sed ili povas cedi antaŭ la organizita batalema rezisto de la vastaj popolamasoj. La subskribado de la alvoko fare de milionoj da homoj en ĉiu lando, fare de centoj da milionoj en ĉiuj landoj estos potenca manifestado de tiu rezisto.*

*La amasa subskribado de la alvoko estas centra tasko, kiu stariĝas ankaŭ antaŭ la adeptoj de la paco, la progresemaj esperantistoj en la mondo. Ni honore plenumu tiun taskon. Ni montru per multnombraj subskriboj ke ni, la esperantistaro, estas kontraŭ la militkrimuloj, kiuj svingas la atoman bombon, kaj ke ni deziras per paca laborado konstrui nian belan estontecon.*

*Ni konfirmu tiujn subskribojn ankaŭ per nia amasa partopreno en la tutpopolaj manifestadoj dum Unua de Majo.*

***M. C.***

# Subskibu alvokon por la paco!

*Nikolaj Stajkov*

***Nu, jen la patri' — la suno brilas***
***en la spaco, venas bonodor';***
***ĉiam novaj, oraj homoj trilas***
***al la lando bela de labor'.***
***Se vi ĝojas je leviĝ' ilia***
***ilin helpu frate vi sen lac',***
***faru al popolo devon vian,***
***subskribante por la daŭra pac'.***

***Sciu: liston, kiun vi subskribos***
***transformiĝos en baranta firm',***
***ĝi al vi donados rajton spiri,***
***por infanoj viaj estos ŝirm'.***
***Partoprenos ni decidlabore,***
***nun subskribe luktu en batal',***
***al impertinenta agresoro***
***vi subskribos akton de fatal'.***

***Nun militas milionoj por la paco —***
***blankaj, nigraj, flavaj... tuthomar'***
***gardpostenas sur terglobsurfaco***
***granda la Sovet-Respublikar'.***
***Batalad' porpaca estas sankta,***
***sed por ĝia sukcesplena fin'***
***vi viciĝu inter batalantoj —***
***Sub alvok' subskribu vi sen tim'.***

Esperantigis: ***Murgin-Canko***

Unu blondhara knabino ĉirkaŭbrakis tiel grandan fosilon, ke apenaŭ ŝi videbliĝis malantaŭ ĝi. Iu tramisto*), nomata József Czibula ekiris al la batalo per durada mortera puŝveturilo. Kelkajn paŝojn post la grupo staris 7-aŭ 8-jara malgrasa knabo. Lia tuta ekipaĵo estis fervojista ĉapo granda kvazaŭ barelo.

— Ĉu vi ne havas ekipaĵon? — demandis la vicŝaktisto. La knabo nee kapbalancis. Por momento fariĝis silento, la infanoj interrigardis. — Mi povas doni al li tornistron — diris Czibula, la tramisto — kaj tiam li povus esti inspektoro.

Kiam Ilonka Bubos revenis en la vicon, la vicŝaktisto ekstaris sur ŝtonamason kaj ekstreĉis sin.

— Kamaradoj — li kriis — la fakorganizaĵo deklaris strikon. Ni ne malsupreniros la minon. Komence de hodiaŭ en tuta Francio strikos la ministoj. Ĵus alvenis la ĉefsekretario de la Minista fakorganizaĵo. Li pli precize klarigos la aferon. La tuta anaro jam decidis pri la striko. Do ankoraŭfoje mi demandas la estimatajn samfakulojn: ĉu vi konsentas pri la striko?

— Jes... jes! — kriis la grupo. — Vivu la striko... vivu!

La vizaĝoj ruĝiĝis pro la ekscito de la ludo. Ĝi tiel trairis ĉiun eron de la korpo kaj animo, kiel la malrapide kreskanta brilo trairas la kosmon atendanta la tagiĝon. Jen brilaj okuloj, jen leviĝanta mano, kvazaŭ la universo pretigus sin por granda movo. Eĉ la teniloj de la hakpioĉoj vigliĝis. La animo subite senigis sin de la kutima senokupiteco.

La vizaĝo de vicŝaktisto Johano estis pala, kvazaŭ te-rozo. — Vivu! — ankaŭ li kriis plengorĝe. — Kaj nun ni atentu, ĉar „baldaŭ venos el la mino la homoj de la unua laborperiodo. Vivu la striko! For la faŝistojn!

— For la faŝistojn! — kriis la amaso.

La vicŝaktisto levis sian pugnitan manon. — Ni rezistu ĝis nia lasta sangoguto!

La blonda knabino, kun la piĉo superanta ŝian kapon, eliris el la vico.

— Joĉjo, — ŝi demandis — kiun ni devas vivui? Kiel oni nomas la partigvidanton? — La vicŝaktisto enpoŝigis siajn manojn. — Mi ne scias, kamaradino, li havas tre malfacilan francan nomon. Ni demandos la ĉefsekretarion. Ne muku la nazon!

Jam de tri tagoj ili pretigis sin por la striko. Laŭfunde ili priparolis la aferon, kiel tio decas al laboristaj infanoj de Csepel. Ili organizis la membrojn, faris flugfolion, kies unuunuran ekzempleron devis ĉiu legi. Ili okazigis kunvenojn kaj igis voĉdoni la kamaradojn. Anstataŭ mono ili kolektis por la strik-kaso pli ol dekduon da pomoj, kilogramon da kabsukero, nukson kaj kvin cepojn. Tio estis kaŝita en verdepentrita soldatkesto en la Laborista hejmo. La patro de ĉefŝaktisto Stefano Mészáros laboris dum dekkvar jaroj en fabriko de laboristoj en Strasburgo. Ankaŭ la ĉefŝaktisto mem naskiĝis en eksterlando kaj tiel li manipulis la francan lingvon, kiel aliaj honestaj homoj la hungaran lingvon. Tiel do li havis fidindajn spertojn pri normala okazigo de franca striko. Oni povis fidi lian faksperton.

PRECIZE je la dua eksonis la fajfilo anstataŭanta la alarmsignalilon kaj la homoj de la matena laborperiodo venis el la ruinaĵo. Nenia signo de la okhora, malfacila laboro videbliĝis sur ili. Ili freŝe saldatis kiel turdoj en la mateno. La du grupoj kune iris en la Laboristan hejmon, kie la homoj de la tria laborperiodo kaj kelkaj minist-edzinoj atendis ilin. La humoro estis arda.

*) Tramisto — veturigisto de la elektra fervojo en la mino.

— Ĉu ni ne faras ion malbonan, Franĉjo? Henjo Bubos, nigraokula, brunhaŭta, 12-jara knabino demandis ruĝharan okulvitran infanon starantan apud ŝi.

— Kion?

Ĉiu korpero de Henjo Bubos tremis.

— Mi havis malbonan ŝonĝon — ŝi plendis. — Nigra hundeto saltis el la fornopordo, ĝi eksidis ĉe mia lito kaj antaŭ miaj okuloj ĝi kreskis ĉiam pli kaj pli. Tiom rapide ĝi kreskis, ke post minuto ĝia kapo jam atingis la plafonon, ĝiaj okuloj estis tiel grandaj, kiel siteloj kaj tiel ili ardis, kvazaŭ fajraĵo. Kaj ĝia terure ruĝa lango tuŝis mian vizaĝon. Poste ĝi levis sian malantaŭan piedon kaj la tuta ĉambro pleniĝis.

— Maljunulinaĉo! — la okulvitrulo diris malestime. — Vi ne havas klaskonscion.

La knabineto konsterniĝis. Ĉu maljunulinaĉo? — ŝi demandis. — Kial? Ĉu mi ne havas klaskonscion?

— Klaskonscia proleto ne ŝonĝas — la okulvitrulo klarigis malvarme.

— Kion do li faras?

— Li batalas.

— Franĉjo, vi mem vidos, ke tio havos malbonan finon! — diris la knabineto. — Tio ne estas ludo por infanoj.

— Tio ne estas ludo, sed serioza afero — diris la ruĝharulo, — kaj vi jam ne estas infano, ĉar oni jam petis viajn manojn.

Knabineto ruĝiĝis. — Mi ne ŝatas tiel sovaĝajn ludojn — ŝi diris. — Kial oni devas ĉiam militi! Ĉu ne estis sufiĉe? Kaj ankaŭ hejme estas tiom da malagrablaĵoj.

— Dekstrema maljunulinaĉo! — kriis la okulvitrulo. Li batis ŝian dorson kaj malestime paŝis for de ŝi. Antaŭe, en la komenco de la veturilejo, sur la oratora estrado konsistanta el dekduo da brikoj entuziasme donis la ordonojn ĉefŝaktisto Mészáros. — Kiom da homoj restis en la mino por la sekuriga servo? — li demandis. — Kiom da strikgardistoj ni havas... Bone. Sen mia permeso neniu rajtas eniri la minon. Kompreneble strikrompantoj ankoraŭ ne estas, sed se poste tamen estus, tiam ni tradraŝos ilin, kamaradoj, tiel vere, kiel mia nomo estas Luji. — Liaj vangetoj ruĝiĝis, lia malgrasa korpeto subite streĉiĝis. Li alte levis sian pugnon. — Dum vi vidas min, eĉ ne unu gramo da karbo iros al la kapitalistoj el la minoj de Francio — li kriis kaj lia malforta infanvoĉo tremis pro ekscito. — Ĵuru, kamaradoj!

— Ni ĵuras! — kriis la ŝaktistoj, vicŝaktistoj, tramistoj kaj la ministedzinoj. La homoj de la tri laborperiodoj kun la familianoj konsistis proksimume el tridek personoj. Jozefo Czibula, la ĉeftramisto tordis siajn manojn pro la eksterordinara ekscito. — Tre brava kamarado li estas! — li murmuris entuzuasme. Vi vidos, Franĉjo, li fariĝos ministro. Oni devus lin organizi por la grupo de pied-pilkludo.

— Maljunulinaĉo! — diris la okulvitra, ruĝhara knabo.

La buŝo de Czibula restis malfermita pro la surprizo. — Ĉu li ne plaĉas al vi?

— Li parolas multe kiel maljunulinaĉoj — diris la ruĝharulo, kaj liaj okulvitroj ekbrilis en la sunbrilo, kvazaŭ tranĉilo. — De klaskonsciaj proletoj oni ne devas preni ĵuron.

— Kial? — demandas Czibula.

La okulvitrulo ŝultrolevis. — Tio estas kutimo de burĝaro!

— Eble — diris la tramisto enpensiĝe — eble vi pravas. Sed tamen li estas tre brava kamarado! Rigar-

du kiel li skuas la pugnon, kvazaŭ per unu bato li volus forbati la sakramenton.

SUR la rando de la monteto baldaŭ aperis la unua taĉmento de ĝendarmoj, tri infanoj ekipitaj per bastonegoj. Por tiu malhonesta posteno ili estis kandiditaj per loto. Grupo da ministoj gvidata de Johano, la vicŝaktisto, tuj eklaboris por fari barikadojn. Per ŝtonoj, brikoj, branĉoj ili faris duonrondon antaŭ la enirejo de la mino. Antaŭ la pordo de la Laborista Hejmo per tri traboj ili montris la batalpretecon de la laboristaro defendanta siajn rajtojn. Katanjo, la blonda ministedzino tiel laboris per la granda fosilo, ke eĉ en Budapeŝto oni povis aŭdi ŝian spiregadon. La vicŝaktisto, kiu ĉiun observeme rigardis, post iom da tempo petis la fosilon el ŝiaj manoj.

— Vi havos hernion, Katanjo! — li diris severe.— Transdonu la fosilon al kamarado Szabó!

La knabineto retropaŝis. — Mi ne donas.

— Kial? demandis la vicŝaktisto mallaŭte.

— Mi ne donas — diris la knabineto kaj ŝiaj okuloj eklarmis. — Hejme mi havas sep infanojn, kiujn mi devas defendi. Eĉ nun mi aŭdas ilian ploradon.

— Donu ĝin! — diris la vicŝaktisto kaj per trankvila movo de sia manplato li reĝustigis la malvokoloran svisan ĉapon, kiu glitis sur lian nazon. — Ne timu virino, vi havos ĉi tie laboron per kiu vi povos defendi viajn infanojn.

Tiun posttagmezon jam okazis neniu menciida afero. La ministoj pliperfektigis la barikadojn, la ĝendarmoj severe enuis. Sed la sekvan tagon, tuj post la komenco disflugis malbona informo inter la strikantoj. Tiu informo subite sange ruĝigis la fundamentajn kolorojn de la animo, kiel la subiranta suno ruĝigas la maron. Laŭfame la ministro por internaj aferoj, diris la heroldo, ordonis aresti la strikgvidanton, laŭnome Stefanon Mészáros.

La ĉefŝaktisto mansignis. — Vi ne trompos min, faŝista hundo! — li diris ride. — Tie ĉi inter la kamaradoj mi havas pli certan lokon, ol kian vi havus en velurseĝo. — Ĉu vere? Vivu Luji! — kriis sonoranta knabinvoĉo. — Vivu! — tondris la aliaj. La ĉefŝaktisto ekiras al la oratora estrado. Sed antaŭ ol li estus povinta malfermi la kunvenon venis nova timiga informo.

HENJO Bubos spiregante staris antaŭ la estrado. — La ĝendarmoj kaptas garantiulojn! — ŝi kriis. Ili invadis la kolonion kaj la virinojn forportas el la domoj. Patrinon, edzinon kaj eĉ tion ili ne rigardas, ĉu ŝi estas maljuna aŭ malsana.

— Panjo! — kriis malespera voĉo.

— Ho ve, mia edzino, — aŭdebliĝis el la fino de la ejo.

Henjo Bubos kun haroj glitintaj sur ŝian frunton reve ĉirkaŭrigardis inter la brilantaj okuloj.

— Kaj la ĝendarmoj ricevis ordonon por okupi la minon — ŝi kriegis. — Antaŭ nelonge diris al mi serĝento. Kaj se ni rezistos, tiam ili mortpafos ĉiun.

Fariĝis silento. En la veturilejon, kies duonon forportis la milito, milde brilis la oktobra suno sur la amason. Dum la silento subite leviĝis pugno. Muĝanta murmuro ekestis ĉirkaŭ li. La murmuro estis akompanata de akraj krioj. Franĉjo, la okulvitrulo paŝis antaŭ la estradon.

— Kamarado ĉefsekretario, oni devas armi la laboristaron! — li diris raŭke. La ĉefŝaktisto turnis sin al li. — Kion? —Franĉjo, metante sian manon antaŭ la buŝon, fajre tusis.

— Kion vi havas? Ĉu vi estas malsana? — demandis Mészáros.

— Nenion, ne — respondis la okulvitrulo. — Nokte dum la gardado mi malvarmumis.

La ĉefŝaktisto alrigardis lin. — Ĉu dum la gardado? Ĉu ankaŭ dum la nokto vi restis tie?

— Ridinde! — grumblis la okulvitrulo. — Kompreneble, ke mi restis tie.

— Ĉu dum la tuta nokto?

— Ĝis mi devis iri en la lernejon — diris Franĉjo. — Kamarado Mészáros, ĉi tiun aferon mi prenas serioza. Armu la laboristaron, cetere oni forpelos nin el la mino.

— Armilon!... Armilon! — kriis multaj.

— Kie mi akiru armilojn? — demandis la ĉefŝaktisto surprize.

— El la infero — diris la okulvitrulo kaj li turnis sin.

— El la infero! — ripetis voĉo. — El la infero! — eĥis la muroj. — Armilojn! — muĝis la ejo. La malespera humoro fariĝis inversa. La palaj vizaĝoj ruĝiĝis, la viroj ektiris sian pantalonrimenon, la virinoj ĝiskubute refaldis la manikojn de siaj vestoj. Kiam la ĝendarmoj sur la transa flanko de la monteto komencis antaŭeniron kontraŭ la barikadojn, tiam la fronto jam staris kaj tiel densan ŝtontorenton akceptis iliaj kokinornamitaj ĉapoj, ke la atakantoj haltis kaj r e t i r i ĝ i s.

— Ĉesigu la ĵetadon, ĉar mi igos miajn homojn pafi! — kriis kun duba voĉo la ĝendarma leŭtenanto, dika, pintnaza knabo. Novaj ŝtoneroj fajfis super lia kapo, iu ŝtono tuŝis lian orelon. — Ĉesigu la ĵetadon, bovoj! — li kriis plengorĝe. — Mi ne ludas, se vi elbatas mian okulon.

— Fripono, ne retiriĝu! — grumblis knabo staranta malantaŭ li. — Ni iru! — Li prenis sian bastonegon kaj kun klinita kapo ekkuris al la barikadoj kaj la aliaj sekvis lin. Ŝajne al la ĝendarmoj intertempe venis novaj fortoj, ĉar nun ili konsistis el ses homoj. Al unu el ili pafiĝis ŝtono al la frunto kaj mallarĝa sangostrio fluis al lia nazo, sed li ne rimarkis tion. Henjo Bubos, ĉe la transa flanko de la barikado faligis el sia mano la pioĉon pro la vido de la sango kaj metante ambaŭ manojn sur la ventron, ŝi spiregis. — Ĉesigu la ĵetadon! — ŝi ĝemis. — Pafu! — kriegis la ĝendarma leŭtenanto. Kanjo, la blondhara knabino helpe de sia fosilo saltis antaŭ li trans la barikado. — Aĉaj friponoj! — ŝi kriis per sia malforta voĉeto, kiu tiom alte flugis super ŝia milda infanamino, kiel nizo flugas super sunbrilaj pacaj pejzaĝoj. — Aĉaj friponoj! Ĉu vi denove murdas la laboristaron? Mi havas hejme ses malsatajn infanojn. Dum semajno ni vivas nur per pano kaj akvo, ĉar mi havas eĉ ne tiom da graso, ke mi povu fari iom da supo. Eĉ nun oni povas aŭdi ilian ploron, vi, aĉaj faŝistoj!

— Fermu la buŝon, kanajlo, aŭ mi vangofrapos vin — diris la ĝendarma leŭtenanto.

— Kion?

Jozefo Czibula delasis la morteran ĉaron kaj paŝis antaŭen minace. La knabineto ruĝiĝis, poste ŝi metis la manojn sur la kokson kaj kraĉis en la okulojn de la ĝendarma leŭtenanto. La intersturmo ne ŝajnis evitebla.

HALTU!

Ĉefŝaktisto Mészáros saltis sur la barikadon. Haltu! — li kriis. — Nun mi ricevis la informon, ke la havenlaboristoj en tuta Francio ekstrikis. La fervojistoj faris decidon pri 24-hora demonstracia striko.

— Se vi kuraĝos bati la kamaradinon — diris la ruĝhara Franĉjo al la ĝendarma leŭtenanto kaj sub la

okulvitroj brilantaj flaviĝis liaj nazloboj pro la sufokita pasio — se vi kuraĝos bati la kamaradinon, tiam per miaj manoj mi disŝiros vin.

La forta blonda knabo retropaŝis. — Ne frenezu, Franĉjo! — mire li diris. — Tamen oni ne rajtas kraĉi en miajn okulojn. Ankaŭ ĝendarmo havas honeston.

— Li ne havas.

— Kial?

— Li estas klasperfidulo — diris la okulvitrulo mallonge kaj li turnis sin.

La laŭtenanto dum tempeto postrigardis lin. Li prenis sian kokpluman ĉapelon kaj terenĵetis ĝin.

— Mi ne plu ludas ĝendarmon — li deklaris — mi ne estas idiota!... Por ke ĉiu kraĉu en miajn okulojn! — Ankaŭ la serĝento prenis la plumojn el sia ĉapelo: post kelkaj minutoj la ĝendarmoj tute malaperis el la vidpovo. La strikantaj ministoj fiere kaj senlime regis sur la tereno.

— Morgaŭ ni organizos la strikon de la usonaj havenlaboristoj — klarigis dum la hejmeniro Johano, la viĉsaktisto, — por ke ankaŭ de tie oni ne povu liveri karbon. Ni devus akiri maristan veston kaj kelkajn kanonojn. Morgaŭ oni ja sendos kontraŭ ni soldatojn!

— Sed de kie ni havos soldatojn! — demandis Czibula zorgplene rigardante la blondan Kanjon sidantan en la puŝĉaro. Oni devis ŝin veturigi hejmen kiel invalidan patrinon.

Super la senhomiĝanta minkolonio iom post iom malheliĝis. Ekregis venteto, ĝi trablovis la arbojn, iom ĝi ludis super kaduka veturilejo, poste brue ĝi iris pluen. Franĉjo prenis de sia nazo la okulvitrojn kaj ĉirkaŭrigardis: li estis sola. Li tiris ruĝan flagon el sub sia jako kaj ame karesis ĝin. Li fiksis ĝin super la pordegon, poste prenante sian hakpioĉon kun altetenita kapo komencis sian noktan patroladon.

El la hungara: Ladislao Somlai



Fiŝistoj

# TRI KOLONOJ DE HISPANA LITERATURO

Prelego de ĉilia verkisto Pablo Neruda al ĉeĥoslovakaj verkistoj en ilia hejmo, kastelo Dobriŝ.

Karaj amikoj!

Mia intenco estis hodiaŭ posttagmeze paroli pri Suda Ameriko. La sudamerikan popolon trafis kruela subpremado. Pordoj de karceroj, punejoj kaj koncentrejoj malfermiĝas por ke la tuta popolo eniru ilin. Sed de hieraŭ mi portas senĉese en la kapo rememoron, kiu tiom persekutas min, ke mi devas komuniki ĝin al vi. Ni opinias, ke estas malmulte parolate pri Hispanio. Mi travivis ĝian tutan dramon. Mi havis la honoron travivi kun hispanaj poetoj grandan parton de mia vivo kaj kun ili dividi ilian panon kaj ilian akvon. Kun ili mi ankaŭ travivis ilian suferon kaj ilian venkon. Tiu ĉi rememoro senĉese persekutis min en tiu ĉi brilega domo. Mia koro ĉiam tiras min al tiuj neforgeseblaj tagoj. Kamarado Drda*) bonvolu pardoni, ke mi parolas pri'io alia, ol li anoncis. Sed li mem estas parte kulpa pri tio, ĉar en la filmo „Muta barikado“ en la plej drasta momento la heroo ankaŭ skribas sur la barikado „No passaran“. Do li kaŭzis, ke en mi vekiĝis tiu rememoro.

La 16 de julio 1936 Federico Garcia Lorca forveturis al Granada. Eble neniu el vi en tiu ĉi salono konis lin persone. Malforte kuniĝas en unu homa estaĵo tiom da talento, tiom da spirito kaj tiom da humaneco. Dum nemultaj jaroj li fariĝis unua en la gento de poetoj. La kulmino de lia kreado koincidas kun la epoko de estiĝo de hispana respubliko, kun la epoko de venko de hispana popolo. Tio estis fino de unu epoko, epoko de mallumo, kaj komenco de nova tempo, tempo de lumo. Tio estis kvazaŭ malaperus araneaĵoj de mezepoka Hispanio, kvazaŭ el Hispanio malaperus mallumo. En tiu renaskiĝo de Hispanio Lorca havis eminentan taskon. Li estis samtempe muzikisto, folklora verkanto, teatra direktoro, dramverkisto kaj la unua hispana poeto. Kaj li estis la plej ĉarma kaj la plej sprita homo, kiun mi iam ekkonis. En lia proksimo homoj ne povis esti malgajaj. Li vivis kaj elpensadis spritajn aferojn kaj ĉirkaŭadis sin per fantazio. Li estis enkorpiĝo de poemo sur la tero. Profunda sento de demokratio ligis lin kun la popolo. Tio ne estis sento ekskluzive politika, li estis respublikano per efektiva konvinko kaj pro amo al sia popolo. Kiam en teatro estis prezentataj liaj dramoj, tio estis ĉiam ŝtorma entuziasmo kaj sukceso. — Eĉ ne estis eble iri kun li sur la strato, ĉar ĉiuj, kiuj lin vidis kaj kiuj lin konis, volis lin tuŝi. Iri kun li en restoracion estis problemo, ĉar ĉiuj volis sidi ĉe lia tablo kaj ĉiuj volis inviti lin. Ni pasigis kune la tagojn antaŭ la komenco de la milito. Garcia Lorca malŝparis siajn ĉarmon kaj fantazion. Li terure timis la morton. Li estis homo senmezure feliĉa, tiom feliĉa, ke li ofte eĉ devis elpensadi spiritajn suferojn. Ambaŭ ideologioj, la ideologio de faŝismo kaj la ideologio de la popolo kunpuŝadis sin tiam en la stratoj. La faŝistoj provokadis, ĵetadis bombojn kaj pafadis en la stratoj preskaŭ ĉiutage. En tiuj tagoj kuglo traflugis la fenestron de banejo de Lorca en Madrido. Li montris al mi la postesignon de la kuglo kaj diris: „Tiu ĉi kuglo eble estis destinitą por mi. Mi foriros al Granada kaj tie mi finos mian dramon.“ Tie li finis sian vivon, sed neniam li finis sian dramon. Mi volis renkonti lin je la 18-a de julio nokte kaj kun li iri al teatra prezentaĵo. Mi ne sciis, ke li forveturis jam je la antaŭa tago. Kiam mi iris en la teatron, la konspiro de Franco jam estis komencinta. Kun Lorca okazis la sama, kion en sia poemo skribis la Ĝardenisto de Teheran. Li forkuris de la morto el Madrido, por trovi ĝin en Granada.

Mi diros al vi, kiel ili mortigis lin. Oni diras, ke ili pafmortigis lin. Tio ne estas vero. Tio estis ankoraŭ pli terura. — Ili arestis lin kaj forkondukis al la policejo. Kaj tie tiuj banditoj per batoj de fusiloj batmortigis la estaĵon, kiu en si havis la ĉarmon de tuta Hispanio. Oni ne scias multe pri tio, sed tio ĉi estas vero.

Ni eĉ ne scias, kie li estas enterigita.

Kaj nun, kial ili mortigis lin. Kial ili mortigis la estulon, kiu ŝajnis tiom malproksima al la tero. Ili mortigis lin tial, ĉar nur li reprezentis la sunblindigan brilon de Hispanio, kiu elradiis el ĉiuj antaŭaj jarcentoj. Ili mortigis lin tial, ĉar faŝistoj volas mortigi la kulturon. Lin mortigis reprezentantoj de hispana burĝaro. Tiu burĝaro volas la poetojn aŭ subjugi por servi al ili, aŭ ĝi volas mortigi ilin. Kaj tio estas ilia plej klara kazo, al kiu la Franco-anoj ankoraŭ ne donis ian klarigon. Kaj nun ili klopodas envicigi lin en antologiojn, ili volas fari el li poeton de Franco-a Hispanio. Unue ili mortigis lin kaj nun ili volas al la hispana popolo forŝteli eĉ rememoron pri li. Vi ĉiuj devas ekscii tion, por ke ni povu komune defendi Garcia-n. Ni devas ne forgesi, ke tio estis en Hispanio, kie la lukto komencis, ni devas ne forgesi pri falintoj de la popolo kaj pri falintoj de la poezio.

Nun mi parolos al vi pri alia poeto. Lia nomo estis Antonio Machado. Li estis vera malo de Garcia Lorca. Li estis serioza viro. Li estis 67-jara. Federico Garcia Lorca reprezentis tradicion de la hispana baroko. Malgraŭ sia popola konscio Antonio Machado reprezentis la sencon de la kastilia kaj klasika poezioj kaj en tiu senco li estis patriarko de la hispana poezio. Tiu ĉi granda poeto tuj, de la unua momento, starigis sin al la flanko de la hispana popolo. Tiu homo, kiu ĉiam kaj delonge kantis pri la ŝtonaj kaj elsekiĝintaj plataĵoj de Kastilio, vidis klare de la unua momento de lukto kaj li verkis miregigajn poemojn pri la batalantoj de respublikana Hispanio. Li verkis sonetojn pri Lister kaj Modest kaj lia famo ankoraŭ pli kreskis. Li ĝisvivis tion, ke li ekvidis kiel lia popolo atingis memstarecon, kaj li ĝisvivis eĉ tion, kiel lia popolo maturiĝis al la morto. Li estis kiel grandega kverko meze de Hispanio. Ŝajnis, kvazaŭ en liaj versoj kantus centjaraj kantoj de Hispanio. El venkita kaj perfidita Hispanio li foriris en ekzilon. Li foriris kun sia maljuneta patrino kaj kun sia frato. Li estis foriranta dum bombardado. Estis nek manĝo, nek loko por ĉiuj. Tio estis la plej granda foriro en ekzilon en la historio, pli ol duonmiliono da homoj foriris. Kaj kiel la plej brava soldato foriris eĉ tiu ĉi maljuneta poeto. Kun la popolo li parto prenis ĝian lukton kaj kun ĝi li partoprenis eĉ en ĝia agonio. Sed senĉese li ĉiujn kuraĝigadis, ke ili eltenu la suferadon, ĉar la hispana afero havas tian egan signifon, ke ĝi meritas, ke oni suferu pro ĝi. Tiel li atingis la francan limon kaj transiris ĝin. Unu semajnon post transigo de la limo lia patrino mortis. Per ŝia morto Machado perdis la subtenon, kiun li havis en sia patrino, kaj sen la subteno, kiun li havis en sia parti-

---

*) Jan Drda estas prezidanto de Asocio de ĉsl. verkistoj kaj aŭtoro de rakontoj (poste filmitaj) „Muta barikado“ k. a. verkoj (noto de trad.)

no kaj en Hispanio, eĉ li mortis kelkajn tagojn pli poste.

Post ĉiuj generacioj de Hispanio li restas granda modelo de poeto kaj inteligentulo, ĉar kie ni trovos tiom da majesteco en unusola vivo? Kaj per tiu honesta morto li atingis ankoraŭ pli grandan altecon. Li postlasis paĝojn da poemoj, plenajn de entuziasmo pri komunista partio de Hispanio, li postlasis al ni versojn pri Passionaria.

Nun mi rakontos al vi pri la tria poeto. Miguel Hernandez devenis el Levanta, el regiono de oranĝoj kaj najtingaloj. Li estis dudekjara. Li estis la plej granda espero de la hispana poezio. Mi ekkonis tion tuj, kiam mi eklegis liajn poemojn. Tio estis la plej belaj poemoj de juna poeto, kiajn mi iam ajn legis. En ili estis ega forto de la popolo, ĉar Hernandez devenis rekte el la popolo. En liaj versoj estis la natura konsisto de orientaj regionoj de Hispanio. Li estis geniulo veninta el la popolo. En tiu tempo li estis granda katoliko. Li verkadis „autos sacramentales" (religiajn dramojn) kiel Calderon de la Barca. Mi pensas, ke liaj autos sacramentales estas pli belaj ol tiuj de Calderon. Li estis paŝtisto de kaprinoj en malgranda vilaĝo en Levanta, kie li naskiĝis. La unusola kulturo, kiun li ekkonis, estis libroj de vilaĝa paroĥestro. Nur en ili li legis autos sacramentales kaj kreis novajn kun miriga genieco. Sed tio ne estis la plej miriga parto de lia persono. Tio estis lia forto, fontanta senpere el la popolo. Li rakontis al mi, ke ĉiam posttagmeze li metadis sian orelon sur kaprinojn, kiujn li paŝtis, kaj aŭskultis kiel lakto fluas en iliajn mamojn. Precize li imitis kantadon de najtingalo. Li estis lertmova kiel sovaĝa knabo, per kelkaj movoj li suprengrimpis arbon. En la stratoj de Madrido li surprizis min per tio, ke li antaŭiris min, supergrimpis arbon kaj tie imitis najtingalon. Mi volis, ke li restu en Madrido kaj ne revenu en sian arbustan naskiĝregionon. Kun helpo de kelkaj amikoj kaj kulturaj institucioj ni volis aranĝi, ke li ricevu postenon en Madrido. Li povis havi okupon en kultura instituto, kies estro estis E. Conde. Tiu promesis al mi, ke li oficigos Miguelon, li nur diru, kion li volas fari. Kiam mi alvokis Miguelon kaj demandis al li, kion li do volas labori, graviĝis lia kamparana vizaĝo kaj tute serioze li diris al mi: „Ĉu vi ne povus havigi por mi gregon da kaprinoj proksime de Madrido?"

Mi prizorgis por li postenon en Madrido kaj li restis kun ni. Lia temperamento tute ŝanĝiĝis. Li partoprenis en bataloj, kiuj okazis en la stratoj de Madrido. Je unu tago li venis en mian domon kun legitimilo de komunista junularo. Li diris: „Neniu iam parolis kun mi pri tio. Neniu al mi diris, ke por homoj estas eblaj perspektivoj. Mi pensis, ke malriĉeco estas eterna, ke ĝi estas malbeno de ĉielo, kaj ke nur en la postmorto estas espero por ni". Kaj en tiu momento li ŝanĝiĝis en la plej mirigan bataleman poeton. Li dissemis sian poezion en ĉiujn angulojn de Hispanio. Siajn versojn li deklamis sur ĉiuj frontoj. Li batalis per sia poezio, sed batalis ankaŭ per fusilo. Lia poezio estas ankoraŭ ĉiam la plej bona poezio de la hispana milito. Estas malfacile difini ĝin, ĝi estas bongusta kaj riĉe ora kiel mielo. Ĝi havas firman strukturon, estas plena de sono kaj lumo, ĝi estas fascinanta poezio. Sian tutan koron li fordonis kiel mielĉelaron al la popolo, el kiu li devenis. Dum mallonga tempo li fariĝis la plej granda poeto de hispana junularo. Venis malvenko de la respublikana militantaro. Hernandez foriris al ĉilia legacio. Ĉe tiu ĉi legacio ricevis azilon kvar mil Franco-anoj. Tiam mi estis jam en Ĉilio, mi laboris por mia popolo, tiam ni jam atingis la venkon de la popola fronto. Mi sukcesis en tio, ke la registaro decidiĝis protekti iujn intelektulojn. Sed la ĉiliaj diplomatoj, dignaj reprezentantoj de sia klaso, prenis sub sian protekton nur 16 intelektulojn, kaj kiam venis Hernandez, ili fermis antaŭ li la pordon. Li estis arestita kaj kondamnita al morto. Mi estis ĵus en Francio, mi klopodis akiri, ke la hispanaj fuĝintoj estu akceptataj en Suda Ameriko. Ni sukcesis sendi tien pli ol kvin mil de ili. Jen ni ricevis informon pri la kondamno de Hernandez. Mi ne sciis kion fari. Ĉe tagmanĝo kun francaj verkistoj mi konatiĝis kun verkistino Marianne Comnen. Mi sidis apud ŝi kaj ĉi nokte mi ne emis tro paroli. Mi diris al ŝi, ke en Hispanio oni mortigos grandan poeton, kiu kvazaŭ estas mia infano. Mi rakontis al ŝi lian tutan historion. Ŝi diris al mi, ke estas unu ebleco, ke en Francio ĵus estas unu kardinalo, kiu estas hispanisto. Kaj je morgaŭa tago ŝi mem sendis al tiu kardinalo la katolikajn poemojn de Hernandez. Dum la tuta tago mi atendis malpacience, kion faros la kardinalo. Dum duonhoro oni legis al li tiujn versojn. Li estis sorĉita kaj sktibis al Franco leteron kaj Franco donis al Miguel Hernadez liberecon. Hernadez iris al la ĉilia legacio kaj tie lasis por mi leteron. Li skribis al mi, ke li veturas al Levanta en sian naskiĝvilaĝon por sia edzino kaj ke ili senprokraste ŝipveturos Ĉilion, kie li volas esti kun mi. Kiam li alveturis en sian naskiĝvilaĝon, li estis denove arestita kaj neniu plu lin vidis. En la jaro 1943 ni eksciis pri lia morto. Li mortis en hispana karcero. Li iris el unu karceso en alian kaj lia juna, sovaĝula korpo ne povis elteni tion. Lia najtingala kantado ne povis esti kantata en malliberejo. Malrapide li estingiĝis kaj ni jam ne povis savi lin. Ni faris ĉion, kio estis en nia povo, sed ni nenion sukcesis. Ĝuste en la tagoj, kiam en Buenos-Aires mi eliris el la nelegala vivo, eliris la lasta poemaro de Hernandez kaj tiu libro estis dediĉita al mi. Tio estis kvazaŭ li skribus al mi post sia morto.

Ĉi tiuj tri poetoj formis tri kolonojn, kiuj portis la hispanan poezion. Tio estis tri malsamaj kolonoj, sur kiuj staris la tradicia kupolo de la hispana poezio: unu — Federico Garcia Lorca estis animo de tradicio gongorisma kaj animo de la popola tradicio, animo de la folkloro, la dua—Machado, estis reprezentanto de klasicismo, tuta historio de la hispana literaturo, la tria—la juna paŝtisto Hernandez, enkorpigis la novan popolan poezion, kiu jam rekte sin turnas kontraŭ la malamiko, sed ĝi estas poezio same grandioza, poezio revolucia. Tiuj tri kolonoj estas nun detruitaj. La kupolo falis kaj frakasiĝis. Hispanio plu suferas sub la tirano. Tial ilin devas rememori la hispanaj poetoj, kiuj postvivis la tragedion de sia popolo. Ili vagas tra la mondo, sed la batalo ne estas ĉe la fino. En Hispanio estas partio, kiu batalas, estas tie partizanoj, kiuj batalas en la montoj. La vortoj de Passionaria iras de buŝo al buŝo. Nia devo estas venĝi tiujn tri mortojn. Denove ni devas altenlevi la vortojn de la mortintoj, ni devas doni al ili la honoron, kiun ili ricevas nur per la batalo. Al vi, ĉeĥoslovakaj poetoj, apartenas en tiuj decidaj momentoj de la mondo la respondeco, pri kiu mi scias, ke vi konas ĝin, sed tamen mi pensas, ke ne estas superflue, ke tion diru al vi denove la kamarado el la malproksima lando. Viaj landoj elkreskas junaj kaj potencaj. Ili estas produktaĵo de tiom multaj virecaj bataloj en aliaj landoj, de tiom da mortoj. Vi devas ĉiutage pliprofundigi vian popolan demokration, vi devas ĉiutage firmigi ĝin, ĉar tiel vi laboras eĉ por ĉiuj tiuj, kiuj falis. La okuloj de niaj sudamerikaj nacioj rigardas al vi, al vi rigardas ankaŭ

*Isaj Dratwer*

# La polaj verkistoj kaj la socialismo

Antaŭ kelkaj tagoj en salonego de la Ŝtata Konsilantaro en Varsovio okazis organizita de Unuiĝo de la polaj literaturistoj kaj Ministerio de Kulturo kaj arto dutaga informa kaj programa konferenco dediĉita al priparolo de la rolo kaj taskoj de verkisto dum la konstruado de fundamentoj de socialismo en Polujo. La konferencon. kiu kunvenigis verkistojn el la tuta lando, partoprenis Sejmmarŝalo Wladyslaw Kowalski, registaranoj, reprezentantoj de la Centra Komitato de la Pola Unuiĝinta Laborista Partio, Centra Konsilantaro de Profesiaj Sindikatoj, eldonejoj, sociaj organizaĵoj kaj gazetaro.

La konferencon malfermis la prezidanto de Ĉefa Estraro de la Unuiĝo de polaj literaturistoj Leon Kruczkowski, prezidanta la kunvenon, kiu priparolis la neceson kunligi la literaturan verkadon kun la konstruo de la novaj formoj de vivo de la nova socio, de la nova homo.

Post la inaŭguro la parolon prenis vicministro en la Konsilantaro de ministroj Jakub Berman, kiu vaste priparolis la rolon kaj taskojn de la socialista verkisto.

Post konstato, ke la celo de la diskutado estas la deziro, ke ĝi venku la disproporcion inter la tensio de la literatura verkado en Polujo kaj tensio de laboroj kaj ŝanĝoj en la tuta lando, ministro Berman substrekis, ke la devo de la verkisto estas konatiĝo kun la reguloj, regantaj la socian disvolviĝon.

„Ĝuste la verkistoj, havantaj decidan sintenon al la nova vivo — diris ministro Berman — scipovos difini kaj trafe kapti en la tuta kalejdoskopo de fenomenoj la batalon de la novo kun la malnovo, la ĝermojn de la novo sur ruinoj de la malnovo. Tiam ili scipovos eksenti la veran patoson de nia tempo, ili scipovos kompreni la grandan, ofte decidan rolon de la avangardo, rolon de la partio de la laborista klaso, rolon de la novaj vivantaj homoj, elkreskantaj en tiu ĉi batalo. Ĝuste ili scipovos apliki en sia kreado la socialistan realismon.

Por efektivigi tiun ĉi taskon, estas necese — kaj tio estas devo de la verkisto — ekkompreni la regulojn, regantajn la socian disvolviĝon, alproprigi al si la sciencan vidpunkton je la mondo, do la fundamentojn de marksismo-leninismo. Sen tio, sen tiu ĉi busolo oni povas erare vagi kaj ŝanceliĝi, oni povas akiri eĉ certajn erojn de la vero, sed neniam oni konos la tutan veron.

Oni devas ankaŭ memori, ke marksismon oni ne alproprigas nur el libroj, oni alproprigas ĝin ankaŭ per propraj spertoj, per senpera persona partopreno en la ĉiutaga batalo".

En fino de sia parolado ministro Berman diris:

„Mi citis plurajn kontraŭaĵojn de nia vivo, kies venko estas fonto de nia disvolviĝo. Verkisto, kiu eniras en tiun ĉi batalon, kiu donas al ĝi la plej plenan esprimon en sia kreado, konservante la plenan liberecon de temo kaj literatura formo, plirapidigas la naskiĝon de la novaj fortoj, kiuj suprentiras, helpas forigi tiujn fortojn, kiuj tiras nin malantaŭen, plirapidigas la naskiĝon de la nova, pli bona homo, plifirmigas la fortojn de socialismo".

Kaj plue:

„Laŭ tio, kiel pliprofundiĝas ĉe ni la kultura revolucio, kreskas la malsato je bona libro pri nia vivo. Milionoj da homoj komencas vivi per la plena konscia kultura vivo. Ili postulas novan bonan libron, kanton, teatraĵon, filmon.

La ŝanĝoj, okazantaj ĉe ni, ligitaj kun la sesjara plano, naskas grandajn agojn, naskas novajn homojn. Milionoj da homoj atendas verkojn, kiuj helpos formi novajn homojn, heroojn de nia granda epoko".

Poste parolis ministro Stefan Jedrychowski.

Post detala kaj vasta priparolo de la sesjara plano ministro Jedrychowski indikis la vastajn eblecojn, kiuj pro la okazantaj ŝanĝoj en Polujo, pro la giganta kresko de ĝia ekonomia vivo, malfermiĝas por la verkisto, kiu komprenis la spiriton de tiuj ĉi ŝanĝoj, perceptis ilin kaj volas ilin rekrei, ekkaptita de la krea pasio.

La tre viglan diskutadon partoprenis multaj literaturistoj, poetoj kaj publicistoj. La diskutado ektuŝis enajn problemojn: kunligo de verkistoj kun la efektivigo de la popola demokratio, partopreno de literaturistoj en batalo por konstrui novan vivon en Polujo, eduko de la nova homo, kreo de artaĵoj konformaj al la bezonoj kaj postuloj de la popolamasoj kaj al ilia aspiro realigi la akceptitajn taskojn.

---

la okuloj de hispanoj, kiuj vagas tra la mondo. Mi scias, kio estus plej agrable por niaj malamikoj, por tiuj, kiuj mortigis la hispanajn poetojn, por tiuj, kiuj en Sudameriko persekutas kaj arestas la intelektulojn, la popolon kaj la poetojn. Antaŭ nelonge ili enpenetris en la domon de Jorge Amado en Rio de Janeiro kaj detruis ĉion, kio tie estis. Ili klopodis forbruligi mian domon en Ĉilio. Ni scias kion volas niaj malamikoj. Ili volas ke viaj klopodoj malsukcesu. Ĉiu paŝo reen en via konstruado estus la plej granda doloro el ĉiuj doloroj de niaj landoj.

Jen ĉio, kion mi volis diri al vi hodiaŭ posttagmeze. Tio estas simplaj vortoj, tio estas aferoj, kiujn mi travivis. Sed mi estas tiom feliĉa, ke mi povas vivi en tiuj ĉi tagoj ĉi tie, kun vi, kaj tial mi volis komuniki al vi eĉ miajn rememorojn dolorajn kaj amarajn. En ĉio ni iras kune kun vi. Nia estas la estonteco, nia estos la ĝojo. Ni senigos la mondon de tiu ĉi terura danĝero, se ni batalos kontraŭ niaj malamikoj. Ni estos ĉiutage pli firmaj, pli konsekvencaj, ni estos ĉiutage pli frate kunligitaj kaj en nia popolo ni ĉerpos ĉiutage pli multe da forto. Ni estu ĉiam firmaj kontraŭ la malamikoj kaj ni venkos.

(Noto de la tradukinto: Memkompreneble, la vortoj de Pablo Neruda validas ne nur por la ĉeĥoslovakaj verkistoj, sed por ĉiuj homoj en la popol-demokratiaj ŝtatoj kaj por ĉiuj kamaradoj en aliaj landoj).

Tradukis: *Adolf Stanura*

---

### INTERNACIA FOIRO EN POZNAN

Simile kiel dum la pasintaj jaroj, la 23 Internacia Foiro en Poznan okazonta en Majo de la kuranta jaro venigos multajn eksterlandajn ekspoziciantojn. Unuavice oni rezervis pli grandan spacon de la ekspozicio por Sovetunio. Landoj de la popola demokratio Albanio, Bulgarujo, Ĉeĥoslovakio, Rumanujo kaj Hungario prezentos siajn ekspoziciaĵojn. Ankaŭ estas garantiata partopreno de la Germana Demokrata Respubliko. El aliaj eksterlandaj ekspoziciantoj Italujo havos oficialan standon. Svedujo, Danujo, Nederlando, Aŭstrio, Grandbritujo, Svisujo kaj Belgujo estos reprezentotaj per sialandaj firmaoj.

# MIHAIL EMINESKU

## CENTJARA DATREVENO DE LA NASKIĜO DE LA PLEJ GRANDA RUMANA POETO

La 15-an de Januaro 1950 la rumana popolo festmemorigis la centjaran datrevenon de la naskiĝtago de sia plej granda poeto: Mihail Eminesku.

Neniam en la historio de tiu popolo, poeto, aŭtkreanto ĝuis tiom da honoro, neniam la vivo kaj verko lia estis tiom multe el malkoneco suprenigita, neniam la tuta nacio partoprenis kun pli forta animeco je festo de granda verkisto-majstro, kiel ĉi okaze.

Eminesku estis viktimo de la antaŭaj ekspluatreĝimoj; li vivis en mizero dum la tuta vivo kaj mortis juna, je 39 jaroj, en hospitala lito, postlasinte literaturan heredaĵon pri kiu fieras ne nur la rumana popolo, sed ankaŭ la tuta universala kulturo.

La poeteca verko de Eminesku estas vasta kaj ĝi kunigas egale lirikon kun epiko kaj socia satiro. Li estas delikata kaj tempesta samtempe, animigata de amo por la vivo, por la naturo, por la popolo. Poezioj kiel „La Vivo" kaj „La Proleto" estas penetrataj de revoluciaj ecoj kontraŭ la subpremo de omo al justeco kaj libereco.

Por sia epoko li estis progresema, kiu aŭdigis la popolajn suferojn, kaj lia poeta kaj homa koro batis ĉiam en la sama ritmo kun la popolo.

La maniero kiel oni festis la centjaran datrevenon de la naskiĝo de l' poeto montras la konsideron ĝuitan de li en la Rumana Popola Respubliko.

„La Nacia Festkomitato por Mihail Eminesku" formita el fruntuloj de la rumana kulturo klopodis doni la plej festecan trajton al tiu rememorigo kaj oni povas diri ke ĝi entute sukcesis.

Preskaŭ du semajnoj la gazetoj kaj revuoj disponigis tiucele plenajn paĝojn, en kiuj verkistoj, apud simplaj laboristoj esploris kritike la verkon de Eminesku, dediĉis al la poeto poemojn entuziasmo-plenajn, lume eligis nepublikitajn paĝojn el lia vasta verkaro. La Ŝtateldonejo kaj aliaj eldonejoj presis noveldonoj en impresiga nombro je prezoj tuteblaj por la popolamasoj. En fabrikoj kaj entreprenoj la salajruloj organizis kunvenojn por glorigi la poeton, kunvenojn en kiuj oni insistis speciale je la profunda socia karaktero en la granda parto de liaj poezioj. Du grandaj ekspozicioj en la ĉefurbo speguligis la vivon de tiu, kiu, kuraĝe traírante la perskutojn de tiuj, al kiuj lia skribado ne konvenis, frapis sen indulgo la oligarĥion, vipis la maljustan mondordon, en kiu kelkaj havas la tuton kaj la plej multaj — nenion.

Tiuj ekspozicioj, realigitaj kun la kontribuo de la plej talentaj artistoj de l' lando, helpis al plikompreno rilate la verkon de l' poeto, grandparte mistifikita dum la pasinteco de la interesuloj.

Same en la kadro de la manifestacioj por la centjara rememoriĝo okazis pilgrimoj al la tombo de l' poeto kaj al la nasko-domo en iu vilaĝo de Moldavio, dum la Akademio de la Rumana Popola Respubliko — la plej alta landa kultura institucio — kaj la Ateneo de R. P. R. okazigis festajn kunvenojn, ĉe kiuj partoprenis la kondukantoj de la Rumana Laborista Partio, la registaro kaj reprezentantoj de la laboruloj manaj kaj intelektaj. La plej granda vivanta rumana verkisto, akademiano Mihail Sadoveanu en sia tiuokaza parolado diris interalie: „En la verko de Eminesku vibras forte profunda amo al la patrujo kaj al la popolo subpremita kaj ekspluatita de la burĝbienula reĝimo". Vero kiu imponas despli hodiaŭ, kiam la verko de Eminesku estante rekonsiderata, eligas lume flankojn nekonatajn ankoraŭ, kaŝe tenitajn en la pasinteco.

La festo de Eminescu estis ankaŭ okazo por manifestacio de solidareco je kultura fronto de la popoldemokrataj landoj. Delegitaro de sovetaj, ĉeĥaj, bulgaraj, hungaraj kaj polaj verkistoj partoprenis la manifestaciojn honore al la memoro de l' poeto, same kiel en la ĉefurboj de la amikaj landoj tiu evento okazigis festajn kunvenojn, el kiuj menciinda estas tiu de la „Centra Domo de la Sovetaj Verkistoj" en Moskvo, ĉe kiu poetoj kaj verkistoj famaj evidentigis la grandan kontribuon alportitan de Eminesku al la trezoro de la rumana kaj monda literaturo.

Post centjaro de kiam naskiĝis la poeto oni faris al li finfine justecon. Hodiaŭ li reeniras en la trezorejon de la popolo kies amon varman li ĉiam ĝuis, de la popolo kiu legas lin kun intereso, ĉar lin inspiris ĝiaj doloroj kaj ĝojoj, ĉar li kantis ĝiajn aspirojn kiuj hodiaŭ realiĝas:

„Faru ke en tiu mondo havu ĝustan parton
Egalan, ĉiu homo. Vivu, amu kiel fratoj".

***St. Freamat,*** Bukureŝti

(Prezidanto de la Rumana Esperantista Societo)

# ĜIS LA STELO...

***de Mihail Eminescu***

*Ĝis la ekaperinta stel'*
*Estas vojego tia,*
*Ke bezonegis ĝia hel'*
*Jarmilojn ĝis ter' nia.*

*Delonge eble tiu sun'*
*Jam estingiĝis ie,*
*Sed ĝia lum' apenaŭ nun*
*Atingis nin ĉi tie.*

*La bild' de l' stel' ŝovanta sin*
*Sur la ĉiel' majestas.*
*Ĝi estis: ni ne vidis ĝin...*
*Vidata: ĝi malestas.*

*Samtiel kiam nia flam'*
*En nokt' profunda mutas,*
*La lumo de l'mortinta am'*
*Nin tamen persekutas.*

Traduko en originala metriko
***de P. Firu***

# O S T R A V A

*Petr Bezruĉ*

*Cent jarojn mute ploĉis mi karbon,*
*cent jarojn vivis sub tero*
*peno centjra elsuĉis la karnon,*
*brakojn mi havas el fero.*

*En la okuloj nestiĝis polvkarbo,*
*lipojn forlasis rubenoj,*
*al mi de haroj kaj brovoj kaj barbo*
*pendas el karbo fadenoj*

*Pano kur karbo min sole vivtenas*
*sekvas servuton servutoj,*
*kaj ĉe Danubo palacoj forprenas*
*fruktojn de sango, ŝvitgutoj.*

*Cent jarojn muti en ŝakto mi devis,*
*kiel jarcenton revoki?*
*Kiam minace martelon mi levis,*
*ĉiuj komencis min moki.*

*Ŝakton revenu nur, ĉar vi ne pravis,*
*sklavu, plu nutru mon-virojn:*
*sed mi eksvingis martelon — tuj havis*
*Ostrava Polska martirojn!*

*Vokas mi ĉiujn en Silezi-lando,*
*tuj senescepte kunvenu,*
*jam al atako eksonu komando,*
*ŝtalan kirason surprenu:*

*vokas mi ĉiujn vin, kiuj vi regas*
*ŝaktojn trans Silezi-montoj;*
*venos la tago, la ŝaktoj flagregas*
*venos ĝi, pagos vi kontojn!*

(Verkita ĉirkaŭ 1899) El la ĉeĥa
tradukis ***Adolf Stahuar***

Petr Bezruĉ (nask. 1867), ĉeĥoslovaka nacia poeto, verkis antaŭ 50 jaroj sociale kaj nacie atakan poemaron „Slezské písne" (Sileziaj kantoj), el kiuj estas la supra poemo. La libro de kelkdekoj da poemoj restas ĉefa verko de la aŭtoro; la ceteraj verketoj prozaj kaj poemaj estas malgrandaj kaj malmultaj. La „Sileziaj kantoj" parolas ĉefe pri la popolo en la regiono de urboj Ostrava, Opava kaj Tesín, kiun tiam sociale eĉ nacie subpremis la potenculoj „ĉe Danubo" t. e. en Vieno, uzantaj eĉ perforton por rompi la reziston. Tiel ankaŭ okazis en la j. 1894 dum minista striko en Polská (nun Slezská) Ostrava, orienta parto de la nuntempa tre industria urbo Ostrava.

La tradukinto




La pitoreska bordo de Nigra maro ĉe Sozopol — Bulgario

## POLLANDO AKCEPTIS PERSEKUTATAN FRANCAN PROFESORON

Kiel oni jam scias, konata pro siaj progresemaj opinioj la eminenta franca scienculo, profesoro de psiĥologio en College de France en Parizo — Henri Wallon laŭ la decido de la franca ministro de klerigado Yvon Delbos estas forigita de sia posteno kaj pensiita.

Tiu ĉi ordono, kiu estis persekutago de la franca registaro kontraŭ profesoro Wallon pro liaj progresemaj politikaj opinioj, elvokis grandan indignon de sciencuoj, studentoj, junularo kaj la tuta demokrata opinio.

Profesia sindikato de pedagogoj kaj multaj francaj sciencuoj aranĝis kunvenon en „Maison de Chimie".

Krom la francaj delegitoj la kunvenon partoprenis ankaŭ reprezentantoj de Ĉeĥoslovakio, Hungario, Grandbritujo kaj Polujo.

Dum tiu ĉi kunveno la pola delegito, profesoro en la Krakova universitato Tomaszewski deklaris, sin turnante al la eminenta progresema profesoro Wallon:

„La Krakova universitato, la plej aĝa en Polujo, kies 500-an datrevenon ni festos en tiu ĉi jaro, estus honorigata, se vi volus esti membro de ĝia profesoraro.

En la nomo de tiu ĉi Universitato kaj Pola Ministerio de Klerigado, mi proponas al vi transpreni la katedron de psikologio kaj infana pedagogio.

Petante vin, kara profesoro, akcepti la katedron de la Krakova universitato, la pola popolo, polaj sciencuoj amikoj de Francujo, deziras samtempe honorigi vin persone kaj honori al via scienca verkado, esprimi al vi sian solidarecon kaj esprimi la kredon pri estonteca pola-franca amikeco kaj frateco inter ambaŭ popoloj"!

Profesoro Wallon per kortuŝaj vortoj akceptis la proponon de profesoro Tomaszewski ĉe longdaŭra aplaŭdado de ĉiuj ĉeestantoj.

# GERMANA NACIA HIMNO

***de Joh. R. Becher***

Kolektive tradukis Lejpzig-aj Esperantistoj

***Leviĝintaj el ruinoj***
***Kun vizaĝ' al la estont',***
***Servu viajn ni destinojn,***
***Germani', en unu front'.***
***Venku ni mizeroĝermon,***
***Kune ĝin detruos ni,***
***Transpasinte la ekstermon***
***Brilu pli oi iam sun'***
***Super Germani'.***

***Pac-feliĉon ni deziras***
***Al patrio de l'German'.***
***Ĉiuj homoj pacsopiras,***
***Al popoloj via man'.***
***Cedos popol-malamiko,***
***Se vi fratas laŭ konsil'.***
***Lumon pacan vi briligu,***
***Ke neniam plu patrin'***
***Ploru pro la fil'.***

***Plugu ni, konstruu brave,***
***Lernu, verku trans pasint',***
***Fida je fort' propra grave***
***Levas sin libera gent'.***
***Jungermanoj, vol' plej bona***
***Nestas de l'popol' en vi.***
***Iĝos vi ekir' germana.***
***Brilos pli ol iam sun'***
***Super Germani'.***

KE NENIAM PLU PATRIN' PLORU PRO LA FIL'.

La tre konato poeto Joh. R. Becher donacis al la juna germana popolrespubliko novan belan nacian himnon. La muziko al ĝi skribis la fama komponisto Hanns Eisler. La traduko de niaj Leipzig-aj Esperantistoj estas certe tre bonvena al ĉiuj niaj amikoj de aliaj landoj.

---

***Broŝuro „Nuntempa Pollando" estas ankoraŭ akirebla kontraŭ unu internacia respondkupono ĉe Asocio de Esperantistoj en Pollando, Warszawa-Varsovio, Marŝalkowska 81. Atentu! Restis ankoraŭ malgranda nombro de ekzempleroj.***

La bulgara junularo kun entuziasmo kaj fervoro persiste konstruas la fundamentojn de sia bela estonteco — la socialismo.

*V. Petz*

# Protekto al laboruloj en Ĉeĥoslovakio

En sia parolado pri la ĉeĥoslovaka Kvinjara plano, ĉe kunsido de la Centra komisiono por planado, dum Oktobro 1947 la Prezidanto de la Ĉeĥoslovaka Respubliko Klement Gottwald diris en sia tiama funkcio de ministroprezidanto: „La Kvinjara plano devas sekurigi pluan esencan plialtigon de la vivnivelo de l' tuta laborantaro urba kaj vilaĝa kaj sur tiu bazo plifirmigi la ligon de la laboristoj, terkulturistoj, intelektuloj kaj de la mezaj urban-tavoloj". La ĉeĥoslovaka popola demokratio konscias, ke bonfarto de la popolo ne estas sekurigebla nur per pliintensigo de la produktado kaj plialtigo de la personaj enspezoj, sed ke unu el la plej gravaj taskoj sur tiu vojo estas kontentigi ankaŭ ĉiujn iliajn socialajn bezonojn. Inter tiuj apartenas precipe la socialaj servoj, celantaj konservi kaj disvolvi la korpajn kaj mensajn kapablojn de la laboruloj.

La ĉeĥoslovaka registaro metis pro tio inter la taskojn de la Kvinjara plano investojn al la sano-aferoj en la sumo 10,4 miliardoj da Kĉs (kronoj ĉeĥoslovakaj), t. e 208,000,000 da us. dolaroj. Por la funkcia elspezo de la sano-afera zorgado oni fiksis en la Kvinjara plano la sumon 43 miliardoj (860,000,000 dolaroj). En la zorgado pri la laboruloj oni montras klopodon ŝpari al ili penadon per laŭcela kaj higiena ekipo de la laborlokoj kaj redukti laborlacigon kaj endanĝerigon de ilia sano. La sano-afera servo instalas ŝirm-establaĵojn por redukti la nombron de korpoakcidentoj en la uzinoj. Ĝiaj gravaj helpantoj estas la sekurecaj teknikiŝtoj kaj akcident-malhelpistoj, kies laboro jam donas fruktojn. Kompare kun la jaro 1948, la nombro de la akcidentoj en 1949 estis jam multe malpli granda en la ĉeĥoslovakaj mineoj, kaj la laboro atingis pli grandan rezulton. Sekve de la faritaj sekurec-aranĝoj, la ŝparo ĉe elpago de malsan-subtenoj kaj de pensioj sumiĝis je nur 42 milionoj da Kĉs. Oni konstatis, ke la sekureco en la minejoj estas nun multe pli alta ol en la profesioj, kiuj estas nomataj „absolute sendanĝeraj". Ankaŭ ĉi tie ekzemplo por Ĉeĥoslovakio estas Soveta Unio, kies uzinoj estas pli bone ekipitaj ol ie ajn alilande kaj la risko de korpo-akcidentoj estas reduktita ĝis minimumo. Oni atingis tion, ĉar la sovetaj sindikatoj aktivigis vastajn kadrojn de volontulaj funkciuloj por zorgado pri sekureco kaj sano de la laboruloj. Oni povas konstati laŭ la statistikoj, ke la nombro de akcidentoj, kaŭzataj de la maŝinoj, malpliiĝas sekve de la ŝirm-instalaĵoj, sed male plialtiĝas la nombro de akcidentoj, kaŭzataj de individua malsingardemo. La ĉeĥoslovakaj sindikatoj kaj la sano-afera servo ne rigardas pro tio la problemojn de akcident-malhelpo nur kiel demandon socialan, sed ankaŭ kiel aferon de la produktado. Ĉe la zorgado pri la sano de la laboruloj estas necese, ke ankaŭ la laboruloj mem, kiel tio okazis en Sovetunio, akceptu la batalon kontraŭ la akcidentoj kaj profesiaj malsanoj. Pro tio oni enkondukis la institucion de sekurecaj teknikistoj kaj akcident-malhelpistoj. Pro la sama kaŭzo, la ĉeĥoslovaka Revolucia sindikata movado volas transpreni la primetian inspektadon kiel inspektadon pri laboro kaj ligi ĝin kun la unuopaj sindikat-asocioj, sindikatkonsilantaroj kaj kun la uzinoj, por ke ĝi estu en ĉiutaga kontakto kun la laboruloj kaj fariĝu ilia konsilanto kaj helpanto.

Justa rekompenco por la plialtigita laborrezulto kaj samtempe ilo por konservo kaj plua plialtigado de la laborproduktiveco estas la zorgado pri refreŝigo de la laboruloj. Refreŝiga libertempo en la ferilokaj institutoj de la ĉeĥoslovaka sindikata movado, kiun partoprenis en 1948 81,000 personoj, ampleksis en 1949 jam pli ol 200 mil laborulojn. La pensiona pago estas tre malalta, kaj la plej bonaj laboruloj libertempas tute senpage en la sindikataj ferilokoj kaj banlokoj en Ĉeĥoslovakio kaj apud la marbordoj de la popoldemokrataj landoj. Krom tio, la kuraca servo de la Centra nacia asekurejo sendis en 1949 pli ol 100 mil laboruloj en la plej bonajn kuraclokojn. Dum la Kvinjara plano, la nombro de refreŝigejlitoj plialtiĝos al 500,000 kaj la elspezo por la ennantura libertempa restado atingos la sumon 1 miliardo 700 milionoj da Kĉs (34 milionoj da us. dolaroj).

Unu el la plej gravaj partoj de la sociala servado estas tamen la ĉeĥoslovaka nacia asekuro, kiu prave vekas atenton de la tuta mondo. Ĝi estas la plej perfekta sekurigo de la laboruloj por la maljunaĝo kaj malsanoj, tuj post la nacia asekuro sovetunia. La ĉs. nacia asekuro estas unutipa por ĉiuj labo rul-kategorio kaj ne konas diferencon inter la asekuroj laborista kaj oficista. La asekuro koncernas same ankaŭ la terkulturistojn kaj oficistojn, la metiistojn kaj komercistojn kun iliaj familianoj. Dum la Kvinjara plano oni elspezos, sub la titolo de la nacia asekuro, pli ol 175 miliardoj da Kĉs (3, 5 miliardoj da us. dolaroj. Notu bone: miliardo = mil milionoj). En la fako de la pensia asekuro, la pensio por unu asekurito estis en 1949 5387 kronoj, dum en Novzelando, kies asekuro estas konsiderata en okcidento kiel unu el la plej bonaj, la individua sumo estas nur 2212 kronoj. Simile estas en la malsanec-asekuro, el kiu la sumo por unu asekurito en ĈSR dum 1949 estis 2998 Kĉs kaj en Novzelando 990 Kĉs, en Granda Britujo 413 Kĉs kaj en Usono nur 259 Kĉs (1 us. dolaro = 50 Kĉs). Same estas pri la libertempoj, kies longeco estas en ĈSR, post Soveta Unio, la plej granda, nome meznombre tri semajnoj. Kontraste en Usono, la kutima laborista libertempo salajrata estas nur sestaga en ĉiu jaro. Ankaŭ en Anglujo ĝi estas sestaga kaj ĝi povas atingi, post pli ol 15 jaroj da okupo, maksimume 12 tagojn ĉiujare.

Estas certe, ke la popoldemokrata Ĉeĥoslovakio atingis en sia prilaborula zorgado tiajn sukcesojn, pri kiaj oni eĉ ne revis. Kaj tion sole en la unua jaro de la Kvinjarplano, kiu estas kune kun la konstruvervo de la ĉeĥoslovaka laborula popolo garantiaĵo de plua plialtigado de la vivnivelo. La sukcesoj de la landoj de l' socialismo kaj popolaj demokratioj gajnas admiron de laboruloj en la tuta mondo, kiuj sopiras ankaŭ ricevi parton de la rezultoj de sia laborpeno kaj ne esti ekspluatataj.

---

— La leĝo por la konservado de la materio estas malkovrita dum 1748 jaro de M. V. Lomonosov, multajn jarojn antaŭ la franca kemiisto Lavoisier.

— La unua en la mondo mekanika ŝpinfabriko estas konstruita en Rusio dum 1760 jaro de Radion Glinkov – pli ol 10 jaroj pli frue ol la apero de la mekanika ŝpinejo de Arcright en Anglujo.

— La elektra arko (Voltarko) estis malkovrita por unua fojo en Rusio de V. V. Petrov en 1802 jaro — 8 jarojn antaŭ ĝia malkovro de la angla sciencisto Davy.

# FRANCA PRINTEMPO

Kiom bela estus printempo en nia sudfrancia regiono! Majesta Pirenea montarĉeno etendas sin de oriento al okcidento neĝkronita. Super ĝi lazura ĉiela kupolo lumigita de nova printempa suno! Tra mia malfermita fenestro mi observas la najbaran ĝardenon. Jam kreskas tie freŝaj pizoj, faboj. Floroj multkoloraj malfaldiĝas kaj parfumas la aeron. Sur la fruktarboj neĝis floroj ĉu blankaj ĉu rozkoloraj. La abeloj aktive zumas. Birdoj nestas kaj gaje salutas la belan veteron! „Adiaŭ vintro, adiaŭ vintro!“ Junulinoj biciklas sur la strato vestitaj per helkoloraj tualetoj. Maljunuloj sidas antaŭ la domoj, feliĉaj revidi plian ravan printempon.

Jes, la vivo estus bela en nia pentrinda, sunplena floroplena regiono, kies grundo estas tiom fruktodona. Estus kaj ne estas, ho ve... En 1944 milope ni batalis kontraŭ hitleranaĉoj. Multaj el niaj kamaradoj, kaptitaj de la fifamaj SS, estis sovaĝe murditaj. Spite al ĉiaj teruraj riskoj kontraŭ ni kaj kontraŭ niaj familianoj ni luktis senkompate ŝirminte nin en densaj arbaroj, en neĝkovritaj montaroj. Partizanoj fiere ni estis, fratoj de la heroaj ruĝarmeanoj, de la tutmondaj kontraŭfaŝistaj batalantoj. Tiam ni luktis por sukceso de nova epoko, socialisma epoko. Ni opiniis ke post malapero de Hitler la mondo vivus pace kaj kviete, ke ni tranĉus dentojn kaj ungojn de kapitalistaĉoj... Ho ve! tiu bela revo baldaŭ pereis. Anglo-saksonaj „liberigantoj“, kun generalo de Gaulle, fisocial-demokrata Blum ktp. baldaŭ komprenigis al ni, ke kapitalistoj daŭros subpremi nin. Nun vi, popoloj liberigitaj de soveta Ruĝarmeo, perdis viajn ĉenojn, gajnis liberon, prosperon, ĉar viaj eksplutantoj estis senespere forpelitaj!

Nialande, la kapitalistoj pro timo de nia progresema laboristaro fivendis nian landon al Hitler, kiu estis tiam „eŭropa ĝendarmo“ kontraŭ la malsatularo, kontraŭ la minacplena komunismo. Tio okazis en 1940 jaro. Dek jaroj forflugis, torentoj da homa sango forfluis... Malaperis Hitler. Kapitalismo trovis anstataŭanton. La nova ĝendarmo de la ekpluatistaj bankistoj estas nomata Truman... Denove kapitalismo ne kapablas ordigi sian malgrandigitan imperion. Krizoj vaste suferigas ĝin. Mizero pro tro da abundeco! Senlaboreco. Strikoj. Malsato. Tamen la magazenoj estas plenplenaj. Sed la eventualaj klientoj ne havas sufiĉe da mono por aĉeti. Bankrotas komercistoj. Uzinoj ĉesigas sian laboron. Marŝal-plano montriĝas sub vera vizaĝo. Ĝi estas diabla invento de amerikaj kapitalistoj por provi eksporti eksterlanden sian venontan ekonomian krizon!

Koleras la kapitalistaj hienoj kiam ili rigardas super la fama „ferkurteno“ kaj konstatas ĵaluze la progresojn de la tiea laboristaro liberigita de kapitalisma ekspluatado! Tiu venka ekzemplo malpermesas al ili kvietan dormon... Se ili povus rekonkeri tiujn landojn, kies krimo estas ke ili vivis, bone vivas sen kapitalistaj rabistoj! Se ili povus. Sed antaŭ ili milionope staras la porpacaj batalantoj. Staras potencege la paca amikaro de Berlino ĝis Kanton kaj ankaŭ eĉ en la provizore kapitalistaj landoj. Eĉ en Truman-lando! Pro tio ili voĉdonigas fie kontraŭlaboristajn leĝojn, pagas spionojn, policistojn, kaj eĉ policisthundojn! Ili minacas la mondon per terurega katastrofo atoma, se ne hidrogena! Papo silentas. Lia dio estas ankaŭ bankista amiko... Ne, mi estas malprava: Papo ne silentas! Li ankaŭ lupblekas kontraŭ la komunistoj, kontraŭ Sovetio... Sed tio ne spitas: bojas la hundoj, sed antaŭeniras la karavano! — Forestalo rajtas sin mortigi saltante teren el 20-a etaĝo, ni ne verŝos larmon. — Tiel en nia lando la laborulaj vivkondiĉoj reduktiĝis al duono kompare al 1939-a jaro. Tiel, pli kaj pli, kreskis malsato, mizero... Decaj loĝejoj estas netroveblaj, ĉar nia registaro „amerika“ elspezas 800 miliardojn por militpreparo, por Vietnam militaĉo, kaj forgesas rekonstruon de niaj detruitaj urboj... Laborista pacienco ne plu daŭris! 3000 frankoj estis postulitaj monate kaj kompreneble por ĉiu laboristo. Senkoraj kapitalistoj — kaj ilia registaro rifuzis nin kontentigi. Tial eksplodis en la tuta lando vastaj strikoj spite al la „flavuloj“ kaj la profesiaj strikrompantoj, kiuj estras la sindikatojn socialdemokratajn.

Kompreneble tiuj friponoj facile povus kontentigi la modestan laboristan monpostulon. Efektive se en 1947 la kapitalistaj profitoj estis 80 miliardoj, fine de 1948 la profitoj kreskis kvinoble (400 miliardoj!!) oni citas parizajn firmojn, kiuj rabis dumjare al ĉiu laboristo 460,000 frankojn. Tamen la sklavposedantoj rifuzis redoni 36,000 frankojn.

Nia registaro helpas tiajn modernajn piratojn kaj cetere agas simile. Kontraŭ malsataj laboristoj oni ĵetas policistaĉojn ĝisdente armitaj, heplataj de luphundoj!

Tia estas „okcidenta“ demokrateco laŭ la evangelio de sankta Truman! L i b e r o d e l i b e r a v u l p o e n „l i b e r a“ k o k i n e j o...

En la Dimitrova lando liberigita de kvarpiedaj kaj dupiedaj hundaĉoj, ĉiuj vi havas aŭ havos, kiel diris la poeto, „panon kaj rozojn“.

Streĉe ni luktas por ke la rozoj de niaj printempoj estu tiel belaj kiel la viaj, kamaradoj!

*J. Lezan*
Aureilhan (Hautes Pyrenées), Francio

# Antaŭkongreso en Angers

Kongresanoj 1950! Se vi volas ĝui ravan semajnon en unu el la plej belaj regionoj de Francujo, ĉeestu la antaŭkongreson en ANGERS (28-a de julio — 4-a de aŭgusto)?

ANGERS kuŝas en la valo de la riverego Loire („La ĝardeno de Francujo“), je 300 km de Parizo.

Per aŭtobusoj kaj ŝipo, ekskursoj (elektotaj) estos organizitaj al pluraj belegaj kasteloj kaj vidindaĵoj kaj al la Atlantika maro (banloko de la Baule).

Vi vizitos la vinberojn kaj gustumos la famajn vinojn de la regiono („vins d'Anjou“).

En la urbo mem — (100,000 loĝantoj) vi vidos mezepokan kastelon kaj rimarkindajn muzeojn interalie tiun de la mondkonataj arttapiŝoj.

Ne forgesu ankaŭ vian bankostumon!

Diversaj prezoj estas antaŭvidataj por la restado.

Adreso: 300 f. por persono kaj 150 f. por alia membro de familio aŭ gejunuloj malpli aĝaj ol 20 jaroj.

Petu informojn al F-ino Nouais, 28, Boulevard Descazeaux ANGERS (Maine-et-Loire).

La francoj estas petataj pagi tuj la aliĝprezon al la PĈK. 92-25 Nantes (sama adreso).

*Dorota Kluszynska*

# La pola virino

„Ankoraŭ antaŭ unu jaro, se oni parolis pri virino traktoristino aŭ virino-masonistino tio sonis iom strange. Ankaŭ strange sonis la difino „virino-direktorino". Hodiaŭ tiuj ĉi nomoj estas same naturaj, kiel la tuta nia efektiveco. Ili enkreskis en la vivon. Kaj ĝuste en tio troviĝas la akiraĵo de la „virina revolucio", kiu dum apenaŭ kvin jaroj ĝisfundamente ŝanĝis la socian sintenon de la polaj virinoj.

Nia nova vivo esprimiĝas per novaj perceptoj. La virina problemo, kiu en la antaŭmilita periodo ne povis eliri el post la malvastaj kadroj de „emancipado" kaj „batalo pri egalrajteco" — nun ĉe ni estas solvata sur la vasta vojo de la socia promocio. La limo, kuŝanta inter tiuj ĉi komprenoj, inter la socia promocio kaj la batalo pri egalrajteco, estas ĝuste la limo, kiu disigas la polan virinon, konstruantan egalrajte kun la viro la socialismon en sia lando, de la virinoj en la kapitalistaj ŝtatoj, kiuj ĉiam ankoraŭ devas batali pri siaj rajtoj al plenvalora vivo. Cetere tiun ĉi limon pli frue fiksis la Oktobra Revolucio, en kies fajro estis metitaj la unuaj fundamentoj de la konstruado de socialismo kaj la unuaj ŝtupoj por la socia promocio de la virino. „Sen la virinoj oni ne povas konstrui socialismon" — diris Lenin. Tiu ĉi genia simpla formulo difinis al la virino la ĝustan rolon en la nova socialista vivo, rolon de plenvalora, krea civitano.

En la Popola Polujo, konstruanta la socialistan regsistemon, enigo de virinoj en la fluon de la aktiva vivo, ekonomia aŭ socia, estis do ordono de la momento. Samtempe kun alpreno de la unuaj taskoj laŭ la vojo al la socia-ekonomia rekonstruo, oni kreis startlinion por la polaj virinoj. Virinoj ekstaris ĉe fabrikaj maŝinoj ili prenis en manojn traktordirektilojn, eksidis en direktoraj kabinetoj, komencis labori egale kun viroj. Ili komencis labori jam ne kiel virino, sed kiel civitaninoj de la popola ŝtato. Finiĝis la „emancipado", komenciĝis la socia promocio. Hodiaŭ jam milionoj da virinoj akiras ĉiam pli altajn ŝtupojn de tiu ĉi promocio.

Dekmiloj da virinoj, okupataj en industrio, partoprenas la laborkonkuradon. Preskaŭ en ĉiu fabrika grupo ĉefajn lokojn en la laborkonkurado okupas virinoj. En la lanindustrio de distrikto de urbo Lodz 4,800 virinoj laborŝturmulinoj ricevis premiojn. Virinoj pliprofundigas siajn profesiajn sciojn kaj akiras ĉiam pli altajn postenojn. 97 procentoj de virinoj en lanindustrio estas kvalifikitaj teksistinoj, ŝpinistinoj. Multaj el ili okupas gravajn kaj respondecajn postenojn de majstroj, fakgvidantoj, gvidantoj de sociala prizorgo.

Ĉe domkonstruoj, kiuj antaŭe estis fremda tereno por virinoj, laboras masonistinoj, stukistinoj, vitristinoj, muntistinoj. Ne ekzistas jam laborbranĉo, vivbranĉo kie mankus virinoj.

6,300 virinoj funkcias kiel membroj de magistratoj. 82 virinoj plenumas funkciojn de prezidantoj aŭ vicprezidantoj de la Naciaj Konsilantaroj.

Virinoj estas distriktestroj, vicdistriktestroj, urbestroj kaj vicurbestroj. 85 virinoj estas elektitaj kiel vilaĝestroj. Tiu rompo de kontraŭstaroj kaj antaŭjuĝoj pri virinoj—ĝuste en vilaĝoj — atestas pri tio, kia profunda estas la fluo de la „virina revolucio".

Akuŝistino kiel vicdirektorino de hospitalo, ekspedistino kiel gvidantino de la Tekscentrejo, laboristino kiel gvidantino de personfako — tio estas enigo de la granda virina armeo en la batalfronton por la nova registemo de la socia justeco, tio estas la vera, socialista egalrajtigo de virino, egalrajtigo, en kiu la akiritaj rajtoj ne estas garantiataj per la kondiĉa, konvenanca kutimo, sed per la socia valoro de la konscie plenumataj devoj.

Tiu socia promocio estas nur sur la unua etapo, sur la etapo de la farata ŝanĝo, sed morgaŭe, la socialista morgaŭo malfermas antaŭ la pola virino novajn, vastajn perspektivojn.

La pola virino ne devas jam batali pri egalaj rajtoj, pri egala laboro. Ŝiaj devizoj estas — paco kaj laboro la devizoj proksimaj kaj karaj ankaŭ al virinoj de la tuta mondo.

# Alvoko de ĉinaj esperantistoj

**En la unua numero de „Popola mondo", monata organo de refondita Ŝanhaja Esperantista Ligo estas publikigita jena alvoko de ĉinaj demokrataj esperantistoj al la tutmonda esperantistaro.**

Per la eldono de ĉi tiu modesta gazeto „Popola Mondo", ni, Ŝanhajaj esperantistoj, en la tuta koro deziras reakiri intiman kontakton kun niaj tutmondaj fratoj. Foriĝis por ĉiam la malbenita feŭd-faŝista Kuomintanreĝimo kaj fondiĝis jam la Ĉina Popola Respubliko. Ĉio rekomenciĝas en nova popola Ĉinio. Ankaŭ ni esperantistoj rekomencis labori sur nia posteno. La popola registaro tre favore sin tenas al nia afero kaj antaŭ ni malfermiĝas senprecedente vastaj perspektivoj, tamen ankaŭ estas granda malfacilaĵo-manko de sufiĉe da laborantoj, manko de esperantaj libroj kaj gazetoj kaj manko de interligo kun nia internacia frataro. Tial ni turnas nin al vi kun jenaj petoj.

1. Bonvolu sendi kaj sendigi amase salutleterojn aŭ kolektivajn al la ĉina popolo, al la Ĉina Popola Liberiga Armeo aŭ al la Centra Popola Registaro pro ties granda venko en la popola revolucio kaj pro la fondo de la Ĉina Popola Respubliko. Ĉiun ricevotan leteron ni bone utiligos, ĝin publikigos en ĉina ĵurnalo aŭ gazeto, aŭ transdonos al kiu ajn organizo laŭ via deziro.

2. Bonvolu esti peranto kaj organizanto de la kolektiva korespondo inter vialandaj amasorganizoj kaj la nialandaj. Ni volonte akceptos ĉiun proponon de kolektiva korespondo kaj nepre plenumos vian deziron.

3. Bonvolu liveri al ni validajn adresojn de esperantistoj de viaj konatoj, al kiuj ni laŭeble sendos nian gazeton kaj eble ankaŭ aliajn esperantajn eldonaĵojn.

4. Bonvolu sendi al ni viajn gazetojn kaj librojn, kaj ni sendos interŝanĝe la niajn. Ĉiun ricevotan gazeton kaj libron ni recenzos en nia gazeto.

5. Bonvolu skribi al ni kion vi plej volas scii pri la nova popola Ĉinio. Sendu al ni demandojn, al kiuj ni volonte respondos per letero aŭ sur la paĝoj de tiu ĉi gazeto.

Ĉion sendu al ni laŭ la jena adreso.

Ŝanhaja Esperantista Ligo, P. O. Box, 636, Shanghai, Ĉinio.

Tutmondaj esp.-gazetoj estas petataj represi nian supran anoncon!

---

### TRA LA GAZETARO

Je la fino de la kuranta jaro la Japana Esperanto-Instituto (eksa Japana Esperanto-Asocio) festos sian 30 jaran jubileon.

„La revuo orienta" № 12, 1949
***Tokio*** — Japanio

---

*Ŝandor Kereszteŝ*
ambasadoro de Hungara
popola respubliko en Sofio

# La Hungara popola respubliko daŭrigas la revolucion de 1848 j.

En daŭro de jarcentoj la hungara popolo batalas kontraŭ siaj internaj kaj eksteraj sklavigantoj por nacia sendependeco. En tiu ĉi batalo hele reliefiĝas la revolucio de 1848-49 j., kiu tuj metis la vekiĝantan de l' jarcenta subigo hungaran popolon en la unuaj vicoj de la eŭropa progresema movado.

Malgraŭ ke la revolucio de 1848 j. ne atingis sian celon, ĝi lasis daŭrajn postsignojn en la historio de la hungara popolo. Hodiaŭ la hungara popola demokratio daŭrigas kaj finas la revolucion de 1848 j.

La revolucio de 1848 j. havis du ĉefcelojn: liberigo el la Habsburga sklavigo kaj almilito de la nacia sendependeco. Sed la gvidantoj de la revolucio ne vidis kaj ne povis vidi tiam la klaran logikan ligon inter la metitaj taskoj. Pro tio la hungara revolucio travivis malvenkon.

Tio tamen ne povas subombrigi la fakton, ke la gvidantoj de la batalo por libero de 1848 j. ekiris la vojon al la revolucio kaj alianciĝis kun la popolaj amasoj, solidariĝis kun la eŭropa demokrata revolucia movado. Ili proklamis la respublikon kaj batalis por ĝi eĉ tiam, kiam ĉiuj revoluciaj movadoj en Eŭropo jam estis venkitaj. La Habsburga monarkio estis malforta venki la revolucian movadon de la hungara popolo. Apenaŭ postkiam la rusa caro venis kaj helpis, la Habsburga reakcio sukcesis sufoki la revolucion en Hungario.

Proksimume unu jarcenton pli malfrue la armeo de la granda Sovetunio liberigis nian landon de faŝista sklaveco. Likvidinte la ĉefajn fortojn de la reakcio kaj certigante la kondiĉojn por socialisma konstruado, la hungara popolo ne nur efektivigis, sed grandskale superplenumis la programon de la revolucio de 1848 j. Sub la gvidado de la hardita en jardekaj bataloj avangardo de la hungara laborista klaso, la Hungara partio de la laboruloj, la popolo en nia lando forte eklaboris por renovigi sian detruitan pro la milito mastrumadon kaj por la plifirmigo de la reĝimo de popola demokratio, por konstruo de la granitaj fundamentoj de la socialismo.

Senpere post la liberigo estis proklamita la agrara reformo, kiu donis teron al pli ol 640,000 laboruloj-vilaĝanoj. Per la koopera movado kaj per la konstruo de maŝintraktoraj stacioj la Hungara popola respubliko donis eblecon al la laboranta hungara vilaĝanaro ekiri la vojon al pli bona ekzistado, al la socialismo.

La hungara popolo atingis konsiderindajn sukcesojn en sia trijara mastrumplano, kiu estis plenumita antaŭ la limtempo en du jaroj kaj kvin monatoj en ĉiuj fakoj de la nacia mastrumado.

La industria produktado en la fino de la trijara plano superis per 40 procentoj la industrian produktadon antaŭ la milito. En la vilaĝa mastrumado estas atingita la ĝismilita nivelo. Oni komencis la konstruadon de kooperaj agrarmastrumoj kaj en la fino de la pasinta jaro ilia nombro superis la nombron 1500. Bonaj sukcesoj estis atingitaj ankaŭ en la kampo de la popola sano, la popola edukado, zorgoj pri la infanoj ktp.

Hodiaŭ en Hungario plenumiĝas nova kvinjara plano, kiu antaŭvidas 50·9 miliardojn da forintoj por elspezoj en la konstruado. Oni plirapidigas la industriigon de Hungario, antaŭ ĉio atentante la plifortigon de la pezindustrio, kaj por plialtigo de la vivnivelo de la laboruloj.

Per la plenumo de la kvinjara mastrumplano oni metos la fortajn fundamentojn de la socialismo en Hungario.

Hodiaŭ Hungario ne nur likvidis la feŭdan reakcion, forpuŝis la kapitalistojn kaj forhakis la kapon de la klerikala reakcio, sed ĝi likvidis la perfidulojn de la revolucio, la agentojn de la ekstera reakcio kaj la imperiismo.

Radikale ŝanĝiĝis la rilato de la hungara popolo al la popoloj de la aliaj popoldemokrataj landoj kaj ĉefe al la popoloj de Sovetunio. Dum en la tempo de la liberiga batalo en 1848-49 j. la eŭropa reakcio sukcesis uzi la militan forton de la rusa popolo ankaŭ kontraŭ la hungara liberiga batalo, hodiaŭ la hungara popolo estas ligita per amikeco kun la granda Sovetunio kaj la aliaj demokrataj popoloj.

La hungara popolo ekiris sur la vojo al la socialismo — vojo, pri kiu la gvidantoj de la revolucio de 1848-49 j. — Petöfi kaj Tanĉiĉ — nur revis. Sen la subteno de Sovetunio kaj ĝia saĝa gvidanto la granda Stalin tio ne estus atingita.

Kaj kiam hodiaŭ la hungara popolo turnas sin kun sento de dankemo al sia liberiginto — la granda Sovetunio, kaj al Stalin, rememoras samtempe ankaŭ pri tiuj bulgaraj herooj, kiuj en dekmiloj verŝis sian sangon en la batalo por la liberigo de la hungara popolo.

Trad. *I. S.*

# D i v e r s a ĵ o j

## KION ONI POVAS VIDI SUR LA ĈIELO

La atenta observado de steloza ĉielo estas samtiel interesa afero kiel la legado de bona libro.

Inter la senmovaj steloj sur la ĉielo oni vidas ke la planedoj malrapide moviĝas. Ili diferenciĝas de la steloj laŭ sia flua brilo, la planedoj ne briltremas. La plej brila planedo estas Venuso. Preskaŭ dum la tuta jaro oni povas vidi ĝin nur je mateniĝo. Marso kaj Saturno estas bone videblaj dum la aŭtuno vespere kaj nokte proksime unu apud la alia. Dum la nuna jaro oni povas plej bone observi Jupiteron vespere.

Jupitero estas la plej granda planedo de la suna sistemo. Kiam oni observas ĝin per forta binoklo ĝi estas vidata kiel malgranda disketo, dum la steloj restas brilantaj punktetoj. Ĉirkaj Jupitero rondiras ĝiaj satelitoj. Per binoklo oni povas vidi kvar el ili. Observante Jupiteron kaj ĝiajn satelitojn ni kvazaŭ observas malgrandigitan similaĵon de la sunsistemo.

## ANONCO EN KAFEJO

Se vi kutimis premestingi viajn cigaredstumpojn en la kafotasojn, bonvulu informi nin. Ni tiam servos al vi kafon en cigaredcindrujo.

*Jungsen Jang*

# La naskiĝo de nova Chungking

Chungking estis liberigita de la popola liberiga armeo en la lastaj tagoj de Novembro 1949.

Jam en la du semajnoj antaŭ la liberiĝo maltrankvilaj atmosferoj faladis sur la urbon. Sur stratoj homoj rapidis kun kofroj, mebloj, kaj infanoj. Urbanoj fuĝis en vilaĝojn, kaj dume vilaĝanoj tamen translokiĝis en la urbon. „Kie estus sekure?“ Problemo nesolvebla! Restis trankvilaj nur la malriĉuloj, por kiuj estus same ĉu en urbo ĉu en vilaĝo, ĉar ili havis nenion kaj sekve nenion timis.

Milita odoro plidensiĝis de tago al tago.

Estis ĉie vidataj anoncoj pri prezmalaltiĝo. Sed nur la prezoj de manĝaĵoj kaj hejtaĵoj altiĝis, kiel la termometro sub somera suno, ekz. rizo, karbo, ovoj, biskvitoj... ĉar ĉiu familio preparis por si manĝaĵojn — la plej gravajn vivnecesaĵojn por unu aŭ du monatoj, dum kiuj oni nenion povus aĉeti, se la milito daŭrus. Vere, bataloj jam okazis ĉe Fuling, kaj nelonge poste en Kigiang, nur kelkajn horojn de Chungking per aŭto, kvankam la ĵurnaloj fariĝis malmiopaj, raportante nur pri malproksimaj novaĵoj, kaj nenion citis pri la okazaĵoj antaŭ iliaj okuloj.

La reakcia kaj de ĉiu malŝatata rabisto-urbestraĉo Jangchen senhonte postulis de la loĝantaro gigantan nombron da oro kaj arĝento avertante, se oni ne plenumus lian postulon, li detruus la tutan urbon per fajrobomboj.

Nova Chungking estis jam akuŝota. Sed la loĝantoj vivis en granda timo; ili timis nek la militon alproksimiĝantan, nek la alvenon de la popola liberiga armeo (kompreneble ne), sed la soldatojn de la reakcia banditaro de Kuomintang. Tute certe, la banditoj-soldatoj estus venkitaj de la liberiga armeo, kaj kiam ili evakuus la urbon, ili postlasus al la loĝantaro terurajn malfeliĉojn: rabi, bruligi, mortigi, perforti virinojn, devigi junulojn porti por ili pakaĵojn, k. s... La konduton de la banditoj-soldatoj la loĝantaro jam konis tre profunde. Pro tio, kvankam oni bone sciis, ke ili devas ĝoji pri la baldaŭa alveno de la liberiga armeo, kiu kunportas ĉiam sunbrilojn nuligantajn la nigran nebulon, tamen oni ne kuraĝis supozi, kiaj ili sin trovus dum la akuŝo: ĉu ili ne estus vunditaj aŭ mortigitaj de la evakuantaj banditoj-soldatoj? Ĉu iliaj domoj ne estus forbruligitaj? Ĉu ili povus vivantaj pasigi la nigran nokton al la matena krepusko atendata jam longe?

Pensante pri la graveco de la afero, oni tuj komencis prepari: antaŭ domoj feraj pordoj estis starigitaj, en kortoj oni metis sablopakojn, grandajn akvujojn kaj ĉe fenestroj eĉ pafilojn, por defendi kontraŭ la banditoj-soldatoj.

Sed fine la preparoj fariĝis nur vanaj, ĉar kiam la banditoj-soldatoj evakuis la urbon, ili ne rabis, nek bruligis, ne pro tio ke ili fariĝis subite bonkoraj, sed pro tio ke ili ne povis trovi tempon por rabi kaj bruligi, urĝe sin okupante por la evakuo, pro la neimageble rapida almarŝo de la liberiga armeo. Tio multe savis la loĝantaron.

Kiam Novembro sendis siajn lastajn tagojn al Chungking, la aero despli sufokiĝis. Trans Janze-Rivero en la Suda Bordo amasiĝis la banditoj-soldatoj de la fronto retiriĝintaj. Ŝipoj transportadis vunditojn en la urbon: aŭtoj plenigitaj de la banditoj-oficiroj forkuris al Chengtu; la kapoj de la banditaro kiel ekzemple Ĉiang-Kaj-Ĉerko, Jangshen, k. c. prenis do flugmaŝinojn por savi sian vivon. Jam fruvespere estis malpermesate iri sur la stratoj. Terura kaj morta pejzaĝo.

En la nokto de la 29-a naŭ liberigaj armeanoj ŝturmis en la sudan bordon, atakante la retiriĝantajn, surgrimpis malgrandan monton, kaj malsupren pafadis. En densa mallumo la banditoj-soldatoj, ricevintaj la kuglojn de sur la monto, ne sciis kion fari, opiniante ke la tuta liberiga armeo jam atingis, tuj repafis, sed sencele, kontraŭ siajn proprajn kamaradojn. Kaj alinflanke, kiam la retiriĝantaj banditoj-soldatoj de la fronto aŭdis la pafojn malantaŭ si de siaj kamaradoj, ili kredis, ke la liberiga armeo jam okupas la tutan sudan bordon, kaj tuj forkuris kontraŭpafante siajn proprajn kamaradojn. En tia malordo kaj konsterniĝo la batalo komenciĝis.

Dume la kruelaj evakuantaj banditoj-soldatoj detruis per bomboj preskaŭ ĉiujn arsenalojn en Chungking. Kiam la 21-a Arsenalo ekeksplodis, (la 21-a Arsenalo estis unu el la plej grandaj arsenaloj apud la urbo). ĝi donis al la tuta urbo kaj la regiono malproksima en cent kilometroj teruran tertremon; pordoj kaj fenestroj disfalis, vitroj frakasitaj, homoj dormantaj estis saltigitaj de la skuo el lito, kaj en la loko ĉirkaŭ la 21-a Arsenalo perdis sian vivon miloj da personoj. Aliloke, en la politikaj malliberejoj la policoj de Ĉiang-Kaj-Ĉerko mortigis centojn da malliberuloj, el kiuj multaj komunistoj, progresemuloj, demokratoj kaj studentoj. La mortigado estis la plej kruela en la mondo, — per enterigo, pafoj, kaj fajro. Neniu povus deteni siajn larmojn vidante la kadavrojn terurajn! Por ili ni neniam forgesos venĝi al la banditaro de Ĉiang-Kaj-Ĉerko subtenata de la usona imperialismo!

La sekvintan matenon la liberiga armeo alvenis, sed ne vidiĝis la banditoj-soldatoj, ĉar ili jam estis venkitaj de la naŭ bravaj liberigaj armeanoj!

Tiel rapide la akuŝo pasis. Vespere la 30-an de Novembro pluvetis, en unuopaj vicoj la liberiga armeo eniris la urbon. Viroj, virinoj, infanoj, ĉiuj staris ĉe la stratoj malgraŭ la pluvo por rigardi kaj bonvenigi kun dancantaj koroj la armeon de ruĝa stelo, kiu marŝis silente en la akompano de la popolaj aplaŭdoj kaj huroj. Tondraj ĝojkrioj skuis la monturbon: „Vivu nia popola liberiga armeo!“ „Saluton al Prezidanto Mao!“... Ĉiuj ridis, ridis, kaj ridis el la koro!

En la sekvintaj tagoj, t. e. en Decembro, la loĝantaro ebrie festis. Sur la Monumento por Venko alte flirtis la ruĝa flago kun kvin oraj steloj. Homamasoj premis unu la aliajn kaj estis malfacile pasi por la aŭtoj, kiuj portis la bonvenigantojn kaj donacojn al la liberiga armeo por saluti. Oni dancis, kantis tre gajaj. Jes, de nun oni povas jam spiri libere, dank' al la brava liberiga armeo, kiu rompis la katenojn de la popolo.

Krakfajraĵoj ruliĝadis sur la ĉielo. La urbo bolis! Rikŝotiristo diris al sia kamarado: „Nun ni ne timos plu la minacon de malsato, ĉar ni proletoj jam stariĝis!“ Portisto kun rido baldaŭ eksplodonta el la gorĝo demandis: „Ĉu vere, frato, la premado de la reakcia polico estas jam frakasita?“ Oni festis tage kaj nokte, kaj ne povis bone endormiĝi pro la ĝojego. Tio estas nekomparebla kun novjaro aŭ kia ajn edziĝa soleno. Tio estas la plej granda festo en la historio de Chungking.

Nova Chungking naskiĝis! Kreskante, la novnaskita vivo jam komencas lerni kaj labori en la konstruado de la nova Ĉinio kun siaj gefratoj.

# Fritz Weissenberg

La vicprezidanto de la aŭstra libera junularo Fritz Weissenberg pereis ĉe motocikla akcidento.

Fritz Weissenberg estas naskita la 1-an de julio 1920 jaro en laborista familio. Estante ankoraŭ tre juna, li komencis batali por la kaŭzo de la laborista junularo. Jam 14-jara Fritz Weissenberg eniris la vicojn de la nelegala junulara komunista organizaĵo en Vieno. La faŝista pólico de Ŝuŝnig lin arestis kaj inkviziciis.

Dum 1937 jaro li venkis multe da embarasoj por iri Hispanion. Fritz Weissenberg estis la plej juna batalanto el la aŭstra bataliono de la Internaciaj brigadoj. Li partoprenis kelkajn atakojn kaj estis vundita ĉe la ofensivo al Ebro. Post la malvenko de la respublika armeo kune kun miloj al li similaj li sin trovis en franca koncentrejo. La germanaj okupantoj sendis Fritz Weissenberg en Dachau. Tie li estis reprezentanto de la aŭstraj antifaŝistoj en la internacia tendara komitato de la rezistado. Dum 1945 jaro li sukcesis forkuri el la koncentrejo kaj ia 19-an de Majo li alvenis en Vieno, kie li ekstaris ĉefrunte de la laborista junularo.

Dum la unua konferenco de la libera aŭstra junularo li estis elektita kiel ĝia vicprezidanto. Dum la 17-a kongreso de la aŭstra kompartio Fritz Weissenberg estis elektita kiel kandidato por la centra Komitato.

Kune kun la aŭstra junularo la junularo de la ceteraj landoj funebras pri la morto de kamarado Fritz Weissenberg, avangarda batalanto kontraŭ la faŝismo kaj fidela filo de la laborisia klaso.

## LA FRANCA JUNULARO DEKLARAS: NENIAM MILITO! DEMONSTRACIO DE LA JUNULOJ-REKRUTOJ EN PARIZO

Laŭ la iniciato de la komitato de la rekrutoj en Francio, antaŭ certa tempo okazis en Parizo kunveno de junuloj en la rekrutaro por 1949 jaro. Reprezentantino de la Asocio de la francaj virinoj salutis la junulojn kaj memorigis al ili ke estus terure por la patrinoj havi mortigistojn kiel filojn. Ĵan Ĵankulesko, prezidanto de la koordinacia centro de la rekrutaj komitatoj, alvokis la rekrutojn, ke ili defendu siajn postulojn kaj ne permesu esti entiritaj en unu malhonoran militon.

La junuloj sin deklaris kiel rekrutoj de la paco, alvokis la junularon en Francio sekvi ilian ekzemplon kaj donis la jenan promeson:

„Ni la rekrutoj de la dua rekrutaro — 1949 jaro, fidelaj al la Konstitucio de la respubliko, rifuzas esti dungitaj en unu agresiva milito kontraŭ la liberamaj popoloj. Ni volas esti soldatoj de la paco.

Ni solene promesas, ke neniam ni miliitos kontraŭ Sovetunio, liberiginto de la popoloj, la lando de la venkinta socialismo, kiu alte kaj firme tenas la standardon de la paco kaj la feliĉo.

Ni solene promesas, ke neniam ni levos armilon kontraŭ la frata popolo de Viet-Nam, kiu batalas kontraŭ la franca koloniismo, kontraŭ la amerika imperialismo, por la sendependeco de sia lando.

Ni solene promesas, ke neniam ni konsentos levi manon kontraŭ niaj gepatroj, kontraŭ niaj gefratoj, kiuj batalas por paco, por niaj rajtoj kaj por nia feliĉo, por la libero kaj la sendependeco de Francio.

Ni promesas, ke ni restos fidelaj al la batalo de la laborista klaso, al la batalo de nia popolo, por eltiri nian landon el la tendaro de la milito kaj ĝin envicigi en la tendaron de la paco, ĉefrunte kun Sovetunio".

---

# Demandoj kaj respondoj

Estimata Samideano,

Mi legis kun intereso vian lingvan demandon pri la signifo de „Ni ne staru kun krucigitaj (krucmetitaj) manoj!" sur paĝo 15 de la decembra numero de „Internacia Kulturo". En la angla lingvo troviĝas simila frazo kun sama signifo „Don't let us sit with folded arms!" („Ni ne sidu kun falditaj brakoj")! Angloj en sia lingvo ne uzas la esprimon „stari kun krucmetitaj manoj", sed la frazo ŝajnas al mi tre komprenebla kaj interacie uzebla. Tamen mi preferas la formon „krucmetitaj manoj" ol la formo „krucigitaj manoj", kiun Hristo Karaneŝev uzis en sia artikolo „Ankoraŭ pri la neŭtraleco de nia movado".

Stari kun krucmetitaj manoj signifas al anglo stari kun la dekstraj fingropintoj tuŝantaj la maldekstran ŝultron kaj la maldekstraj fingropintoj tuŝantaj la dekstran ŝultron. Verŝajne la bulgara frazo havas la saman signifon. La bulgara esprimo „stari kun krucmetitaj brakoj (manoj)" signifas tion, kion signifas la angla esprimo „sidi kun falditaj brakoj". Metafore: „resti pasiva". Sidi kun „falditaj" brakoj estas interplekti la brakojn tiel ke la dekstra mano estas inter la maldekstra kubuto kaj la korpo kaj tiel ke la maldekstra mano tenas la dekstran brakon iomete super la dekstra kubuto.

*

La suno okupas dekdu horojn por „transvojaĝi" USSR de oriento ĝis okcidento.

Danubo estas 1725 mejlojn longa kaj, se oni ne enkalkulas Volgon, estas sendube la plej grava rivero de Eŭropo. Rejno antaŭe rivalis ĝin, sed perdis sian rangon pro la ĉeso de komerco sur siaj akvoj post la germana malvenko en la mondmilito.

Danubo fontas en Germanio, trapasas Aŭstrion, interlimas Ĉeĥoslovakion kaj Hungarion, eniras Jugoslavion, apartigas Bulgarion de Rumanio, kaj eniras la Nigran maron en la lasta lando. Korekto. Nun la lastaj kilometroj de Danubo fluas inter USSR kaj Rumanio.

En la angla lingvo la nomo de la Danubo estas „Danube", kiu estas prononcate „Denjub".

La plej gravaj urboj ĉe Danubo estas Vieno, Bratislavo, Budapesto kaj Belgrado.

Via *E. P. Ockey*



La bulgara surdanuba pasaĝerŝipo „Georgi Dimitrov"



La luksa internaĵo de la bulgaraj surdanubaj pasaĝerŝipoj komfortigas la veturadon




La bulgara surdanuba pasaĝerŝipo „Al. Stambolijski"

# Tra la leteroj

Karaj gekamaradoj,

La laborista esperanto-grupo de Champagne decidis la 5-an de oktobro:

1-e Konsiderante, ke nune en Francio ĉiuj laboristoj ne plu povas vivi pro nehomaj vivkondiĉoj; ke ili ne plu povas diri kion ili pensas sen danĝero; ke ĉiuj novaj registaroj reakciaj pli kaj pli kondukas la landon al la fino, sciante ke Esperanto estas ĉiam estinta utila por la laboristaro; ke la laboristaj esperantistoj ne volas labori utopie.

Ni decidas: ni ĉiam luktos kaj laboros per esperanto por akiri pli bonan estonton por ke ne plu estu milito, por demokrata franca registaro.

2-e. Ĉar SAT varbas laboristojn kaj poste kontraŭbatalas la revolucian movadon, ni decidas: ne rilati kun SAT kaj ni kondamnas SAT kiel sekcian organizon.

Sekretario de la politika sekcio:

*Max Lelong*
36, rue Violet le Due
La Varenne st. Hilaire
(Seine) France

Virino kaj patrino,

Ni deziras al vi kaj al via familio kiel al ĉiuj homoj vivon en paco. Pro kio ni laboras, kunhelpu!

Okaze de la demonstracio de la progresa aŭstra virina movado en Vieno je la 26 de marto la Ligo de Demokrataj virinoj aŭstraj kamarade salutas la bulgarajn virinojn.

Karaj gekamaradoj!

Mi tri ĝoje legas vian interesan revuon „Internacia Kulturo“, kaj esperas ke vi povos daŭrigi la presadon de tiu progresema eldonaĵo.

Mi jam sendis al vi antaŭ kelka tempo en tri apartaj sendaĵoj: tri ekzemplerojn de nia ĉiusemajna revuo „France Nouvelle“ (Nova Francio). Mi esperas ke vi bone ricevis tiujn. 3 sendaĵojn.

Mi kunmetas en tiu koverto parton de tiu revuo, en kiu oni parolas kiel ekzemplo, pri la paroloj de via Dimitrov. Mi ĉirkaŭigis tiun artikolon per bluaj strekoj.

Post kelkaj tagoj mi sendos al vi libron, en franca lingvo, „Maksimoj“ de La Rochefoucauld, tiel, se inter vi, aŭ en viaj rondoj estas gebulgaroj-studantoj, kiuj deziras studi originale la francajn beletrojn, vi povus doni al ili materialojn.

Mi posedas ankoraŭ diversajn verkojn en franca lingvo pri literaturo aŭ ĝenerala kulturo. Se tio interesas vin, mi volonte donus tiujn al vi, por helpi la studadojn de la popolo en via lando.

Mi havas ankaŭ kolekton da diversaj ĵurnaloj eldonitaj de la germanaĉoj dum la milito. Mi konservis ilin kiel dokumentoj oficialaj pri la mensogoj de la 3-a Regno. Sendube ili ne interesus vin! Se jes, mi povus sendi ilin al vi. Mi avertas ke tiuj ĵurnaloj eŭ revuoj estas de la unua parto de la milito (1940-41-42) ĉar poste mi ne havis tiajn. Kompreneble, ĉar la germanaĉoj forportis min dum 2 jaroj por deviga laboro en Polujo dum 1943-44-45.

*Alexandre Lengagne,*
70 Rue Jan Jaurés, Desvres, (Pas de Calais) Francio

## LA VALORO DE LA LERNEJA MURGAZETO

Jam la nomo murgazeto vekas ĉe kelkaj kolegoj mokon. Kial? Ĉar kelkaj instruistoj faras per plej bonaj lernantoj la murgazetojn kaj kiuj per tio celas plaĉi nur al la lerneja konsilanto. Bela murgazeto ornamos iliajn klasojn ek de la komenco ĝis la fino de la lernejjaro kaj praktika valoro de la murgazeto nuliĝas. Tio ne povas esti la celo de la lerneja murgazeto.

Do kiel aspektas la murgazeto en mia klaso? Mi starigas ĝin en la centron de la ripetaĵoj.

La lernantoj verkas raportetojn pri la biologiaj, fizikaj observoj (t. e. hejma tasko) faras desegnaĵojn pri tio kaj donas ilin al redaktoro (t. e. lernanto) kiu ordigas ilin. Ankaŭ raportetoj el aliaj instrufakoj kiel geografio, historio, eĉ specialaj matematikaj temoj aperas en nia murgazeto. Je la fino de ĉiu instruĉapitro ni elserĉas la plej gravajn verkaĵojn kaj anstataŭas per ili la malnovajn. La verkaĵoj ne nur ornamas la klasoĉambron, sed ili estas ankaŭ legataj kaj atentataj. Mi devigas la lernantojn per tio, ke mi detale ripetigas kelkajn lernantojn la tutan instrutemon laŭ la desegnaĵoj, skizoj kaj vidpunktoj sur la murgazeto. La lernantoj scias tion kaj studas bone la artikoletojn. Tiamaniere ni ne nur ripetas, sed la infanoj lernas ankaŭ bone paroli kaj atente legi ankaŭ aliajn verkaĵojn. Kvankam komence verkas plej multe nur la pli bone talentaj lernantoj, tamen estas devigataj ankaŭ la aliaj, ĉar neniu scias kiu estos ekzamenata. Per tio ĉiu verkinto estas devigata ekzkate observi kaj tion mallonge skizi. Per tiu edukmetodo la lernantoj lernas flue paroli laŭ ekzaktaj vidpunktoj. Eĉ plenkreskaj parolantoj plej ofte parolas laŭ siaj mannotoj. Kaj la verkintoj lernas ordigi tion, kion ili observis, laŭ plej gravaj vidpunktoj.

La murgazeto estus ankaŭ grava poresperanta propagandilo. Se la lernantoj interŝanĝus iliajn verkaĵojn kun aliaj eĉ eksterlandaj lernejoj, tiam ili estus instigitaj labori ankoraŭ pli ekzakte. Tiamaniere laboras la Freineta movado en Francio. Kolego kun propra spertaĵo pri tiu edukmetodo raportu pri tio detale.

Mi korespondas kun franca kolego kiu al mi skribis pri tiu edukmetodo:

Dank' al Esperanto kaj Freineta edukmetodo miaj gelernantoj kaj iliaj francaj kaj fremdaj korespondantoj, eĉ mi mem, lernas koni la klimaton, riĉaĵojn kaj vivon de kelkaj landoj de la tuta mondo kaj tiel ni lernas ami ilin. Esperanto devas krei fruktodonan kunlaboron inter la instruistaro de la tuta mondo. La laboro de unu servu al multaj.

Kiam la gelernantoj preparas laboron pri la vivo de sia regiono kun celo rakonti tion al fremdaj lernantoj, tiam ili penas ĉiam pli, ĉar ili scias, ke ilia verkaĵo estos legata de multaj personoj, ĉefe de korespondantoj. Ili reciproke instruas siajn kamaradojn.

La interŝanĝo inter diversaj lernejoj estas gravega. Oni lernas geografion, historion kun la korespondantoj. Oni studas la dokumentojn ricevitajn de korespondantoj. Resume, oni laboras por la korespondantoj kaj kune kun ili.

Oni vivas ne nur en la malgranda vilaĝo A., sed oni vivas en la tuta mondo, dank' al spirito de instruista kunlaboro, Freineta materialo (presarto, dokumentoj, notkartetoj ktp.) kaj esperanto.

Ĉefe se popoldemokratiaj kolegoj serĉus interŝanĝon kun germanaj lernejoj kaj se ili petus tion sur la oficiala vojo, eble efikus tio, ke estu akceptita nia lingvo kiel vera internacia helpa lingvo ankaŭ ĉe ni en orienta Germanio.

Ni vivas en la tempo de la ĉion reganta tekniko. La diversaj instruplanoj postulas plilarĝigon de la multteknika eduko.

Neniel eblas lerni nacian lingvon en tiel mallonga tempo kaj uzi ĝin tiel mondskale kiel esperanto pro tio.

Esperanto antaŭen! **Jozef Steppan**, Kahla, Thür.

Tre ŝatataj samideanoj!

Estas konate al vi, ke ni en Germanio estas tre malhelpataj en nia laboro pri la Esp. movado per la militsekvoj kaj aliaj faktoj. Pro tio ni estus tre dankemaj al vi, se vi subtenus niajn klopodojn pro la daŭrigo de Esperanto precipe en Orientgermanio. Ni petas helpu nin per pli baldaŭa publikigo de aldonita malgranda artikolo por la nova nacia himno de nia juna germana popolrespubliko. Niaj amikoj en eksterlando povas vidi, ke ni progresemaj germanoj pasie batalas por paco kaj popolkompreno. La kreskado de la abonantaro el nia lando pruvas al vi, ke ankaŭ ĉe ni ekzistas multe da intereso pro la ideoj, kiuj estas propagandataj de vi kaj ni.

Kun Esperantosalutoj via sincera abonanto
*Rihard Morgen*, instruisto

Estmata samideano!

„Popoldemokrata Respubliko" estas la granda espero kaj celo de nia Japana laboranta popolo. Du spiraloj de la mondo ŝancelas nian vivon. Novaj militbruligantoj planas okazigi la trian teruran mondmiliton, ĉu ne? Tiam kiam faŝismo etendas nigran fingron, nia lingvo plenumas grandan taskon kiel ponto de amikeco kiu interligas pacamantojn de la mondo por defendi la pacon de la popoloj. Kiel multe stimuladas kaj interesigadas via organo brila „Internacia Kulturo"! Kaj ĝi ankaŭ estas legata ĉiumonate de ni japanoj tre entuziasme kaj ni ege estas vigligataj de ĝi.

Hodiaŭ mi petas vin por ke vi afable akceptu mian deziron ke tra via organo mi alvokas al hungarlandaj geinstruistoj por akiri infandesegnaĵojn de Hungario. Kompreneble mi sendos japanajn infandesegnaĵojn al tiu kiu sendos al mi hungarajn, interŝanĝe. Antaŭ la milito mi kolektis pere de Esperanto multe da desegnaĵoj infanaj el kelkaj landoj. Kaj mi eldonis „Infana Desegnaĵaro de la mondo" je la aŭtuno de lastajaro. Nun mi denove deziras kolekti tiajn, kaj uzi ilin por Infana Belarta Movado Progresema en nia lando. Mi mem estas kritikisto de infanbelarto, 40 jaraĝa.

Mi antaŭe dankas vin por via afabla akcepto.

Vivu, „Internacia Kulturo!"

Sincere via, ***Sadaziro Kubo***

Tre estimataj gesamideanoj!

Permesu al mi, esprimi mian ĝentilan dankon al la gazeto „Internacia Kulturo" por la bona redaktado dum 1949. Mi esperas, ke mi same povos ĝoji dum 1950 pri la vere interesa kaj kultura enhavo de la menciita gazeto. Mi ne konas alian revuon tiel bone ilustratan kiel I. K. Mi treege ŝatas novaĵojn el la orientaj landoj, la popoldemokrataj. Treege min interesis la artikolo pri Moskvo bone ilustrita. Mi estus alsalutonta samajn novajn informojn pri Ruslando kaj ĝiaj grandaj urboj.

Mi deziras kaj esperas, ke plue ricevados I. K. dum 1950.

Mi dankas al ĉiu korespondemulo kaj-ino, kiu sendis leteron au poŝtkarton responde al mia korespondanonco en I. K. Mi ne povas korespondi kun ĉiuj, sed mi donis la adresojn de la gek-doj el orientaj landoj al gek-doj en Germanio. Mi esperas, ke ĉiu ricevos intertempe respondon.

Mi nun havas nur la unikan koresponddeziron havi korespondamikon el U. S. S. R. Kiu kamarado el USSR skribos al mi?

***Albert Stephan***

**Bogenstr. 3. III links, Düsseldorf-Germanio**

---

**LA BULGARA ESPERANTISTA KOOPERATIVO PREPARAS LA ELDONON DE PLENA ESPERANTO-BULGARA VORTARO. POR TIU CELO ĜI BEZONAS ESP.-ANGLAN, ESP.-FRANCAN KAJ ESP.-GERMANAN VORTARON KAJ ANKAŬ FAKVORTAROJN PRI LA DIVERSAJ FAKOJ DE LA SCIENCO KAJ DE LA VIVO. LA SENDONTOJ ESTOS TUJ REKOMPENCATAJ PER ESP· LIBROJ, ELDONITAJ EN BULGARIO. ADRESO: BULGARA ESPERANTISTA KOOPERATIVO, STR. TRI UŜI, 15, SOFIA, BULGARIO.**

# Filatelio

## BRITA ELDONO OKAZE DE LA 75-JARA DATREVENO DE LA UNIVERSALA POŜTA UNUIĜO

Eldontago: la 10-an de oktobro, 1949

Detaloj: Kvarpeca serio. Ĉiu p. m. prezentas la reĝan vizaĝon kaj la vortojn „Universal Postal Union 1974 — 1949".

$2^1/_2$ pencoj, ultramara. La du mondaj duonsferoj ligitaj de rubando. Desegnis: f-ino Mary Adshead.

3 pencoj, siringa. La UPU-a monumento en Berne. Des: s-ro Percy Metcalfe.

6 pencoj, helpurpura. Malantaŭ la terglobo kaj kompaspunktoj la roma diino proponas leterojn al la mondo. Des: s-ro H Fleury.

1 ŝilingo, bruna. Poŝta korno, kiu ĉirkaŭas la terglobon. Des: s-ro George Bellew.

Presita: Fotogravure

Filigrano: Reĝa krono kaj monogramo.

Formato: 38X22 mm.

Truetita: 15X14.

Variaĵo: Sur $2^1/_2$ p. Blanka makulo sur la dekstra duonsfero, norde al Hindujo, kiu aspektas kiel „enlanda lago".

Britaj teritorioj.

(1) Persa Golfo. La sama serio surpresita „Bahrain" kaj novaj valoroj. $2^1/_2$ anna sur $2^1/_2$ p. ultramara.
3 a. sur 3 p. siringa.
6 a. sur 6 p. helpurpura.
1 rupio sur 1 ŝ. bruna.

Similaj surpresitaj serioj por „Kuwait" kaj „Muscat".

(2) Internacia Zono de Maroko. La sama serio sur surpresita „Tangier" sed sen novaj valoroj.

## NOVAJ RUMANAJ POŜTMARKSERIOJ

La rumana poŝto ĉijare eldonas la sekvantajn poŝtmarkseriojn-primemorajn: en februaro pri „Pictorul I. Andreescu" kaj serion pri la ŝtata ekonomia plano, en marto pri la kanalo Danubo-Nigra-maro kaj en aprilo pri la tago de Pioniroj. En majo aperos serio pri la festotago de laboro, en junio pri la statizado kaj en novembro pri la rumana-soveta interamikeco. Unu serio servos la propagandon de la popola sporto. Fine aperos tri poŝtmarkoj kun malgrandaj nominalvaloroj, kiel la kompletigo de la serio aerpoŝta.

***J. Cs.***

---

Skribu al „Pola Radio", Warszawa, Myzliwiecka 3, kiu ĉiumerkrede per ondo 48,23 m. komece de horo 20. 15 ĝis horo 20. 30 laŭ MET disaŭdigas interesajn programojn en Esperanto.

№ 3-4 MARTO-APRILO 1950 KVINA JARO

# INTERNACIA KULTURO

KULTURA KAJ SOCIA REVUO DE LA DANUBREGIONAJ ESP.-ASOCIOJ
Telefono 7-89-08 — poŝtĉekkonto 9966
JARABONO: enlande — 400 lv. eksterlande — 20 respondkuponoj internaciaj.

**Redakta komitato:** **Redaktoro: SIMEON HESAPĈIEV**
AŬSTRIO: Gabriel Katzianka.
BULGARIO: Nikola Aleksiev, prof. Petr Dinekov, Assen Grigorov, prof. d-ro Stojan Ĝuĝev, Vitali Julzari Ivan Keremidĉiev-Esperov, Ivan Sarafov
ĈEĤOSLOVAKIO: Adolf Malik.
HUNGARIO: d-ro Kolomano Koloscay, Paŭlo Balkányi, Ladisla Somlai.
POLLANDO: Isaj Dratwer.
RUMANIO: Jon Bunesku, Petre Firu, St. Freamat, K. Peliman, Josif Petrin, Simeon Zal

Adreso: STR. TRI UŜI 15, SOFIO — BULGARIO




Esperantista grupo en Ĉirpan, Bulgario

**FOR, FOR LA MINACO! LABORU SEN LACO POR GLORO DE L' PACO!**

# La mondo vin vokas

(daŭrigo de paĝo 2-a)

☆ K-do Umeki Iĉihara, 38 jara kulturmovadisto kaj miniagrafa presisto, ĉefdirektoro de Fukuoka Esperantista Societo, Masugoja-ĉo, Fukuoka-ŝi, Japanio.

☆ Kore deziras korespondi pri ĉiuj temoj kun ĉiuj landoj 12 jaraj lernanto kaj lernantino. Adreso: Kanehiro Hjakutake, Nisita siro-maĉi 46 Saga-ŝi, Saga ken, Japanio

**JUGOSLAVIO**

☆ S-ro Likar Rudolf — Ljubljana, strato Predjamska 48 — Jogoslavio deziras korespondi kun instruistoj, filatelistoj el ĉiuj landoj.

☆ S-ro Resnik Anton — Ljubljana, strato Trjaŝka 103 — Jugoslavio deziras korespondi pri temoj: muziko, literaturo, lingvoj kaj pri teatro.

**POLLANDO**

☆ **Du polaj 19 jaraĝaj lernantoj**: Adamczyk Jan, Wielun, str. „Czestschowska 7 kaj Krysenski Jan, vilaĝo Szczyty, poŝto Dziatoszyn, distrikto Wieluh — Pollando, deziras korespondi pri sciencaj temoj kaj filatelio.

☆ Deziras korespondi: Dytlof Kazimier Sosnowiec, str. Sucha 80, Pollando

**RUMANIO**

☆ Deziras korespondi: Esperanto grupo „Maksim Gorki" Sinaia.

☆ Pohl Ladislauo Baia Mare, str. Garu 6 jud. Satu Mare, Rumanio.

**GERMANIO**

☆ Rudolf Hilt (22-b) Mülheim bei Koblenz Schulstrasse 6, deziras koresp. kun ĉ. landoj pri ĉiuj temoj.

☆ Erich Röyel, Leipzig W. 33 Beckerstr. 10. I. serĉas korespondemulon el ĉiuj landoj ĉefa temo „Esperanto en la pacfronto".

**SVEDIO**

☆ Mi estas 22-jara, kaj deziras korespondi kun la tuta mondo. Mi volas interŝanĝi poŝtkartojn kaj gazetojn. Sven Olsson, Simris Hamsvagen 21 Stocholm — Sverige

**NOV-ZELANDO**

☆ Ĉefgardenisto dez. korespondi kun Albanio kaj USSR pri ĉiuj temoj J. Townle y Seacliff, Otago — Nov.Zelando

**IZRAELIO**

☆ S-no **Bencion Danon**, kibutz **AFIKIM** Emek Ajarden—**Izraelio** volonte donas detalojn pri le nova juna Respubliko Israelio, speciale al la samideanoj, interesiĝantaj pri la **komunaj kolektivoj**, Same li petas ĉiujn gesamideanojn, vizitontajn la **35-an Internacian Kongreson en Parizo** bonvole aŭdiĝi al li.

**BULGARIO**

☆ Du studentoj de Politekniko-Stalin konstruainĝeniera fako deziras korespondi: Marko Markov, Minko Dobrev Mihnev strato Gurko 49—A Sofia.

☆ Leŭten. Marin Ivanov Cvetkov — podelenie 3995 Pleven, deziras korespondi pri diversaj temoj.

☆ Aristid Levterov Nikolov, lernanto, deziras korespondi kun ĉiuj landoj kaj interŝanĝi poŝtmarkojn. Adreso: Aristid Levterov Nikolov, str. Ŝar № 10.

☆ Borislav Angelov Velev, „Ruen" 2 Nevrokop deziras korespondi pri ĉiuj temoj. Respondo certa. Interŝanĝas p. m. kaj p. k.

☆ Mi deziras ricevi de ĉiu lando la aperintajn U.P.U. poŝtmarkojn. Mi sendos egalvalorajn poŝtmarkojn de mia lando. Vasil Zlatarski — Stara planina 21, Sofia

☆ Junaj teknikistoj-lernantoj, partoprenantoj en esperanto kurso, deziras korespondadi kun samideanoj en la tuta mondo prefere kun teknikistoj, pri deversaj temoj, Adreso: Teĥniĉesko uĉilište „D-r Vasilijadi" — Gabrovo.

☆ Georgi Stefanov, pl. „Hristo-Botev„ 20, Gorna Orehovica, 17 jara gimnaziano deziras korespondi pri: Politiko, Literaturo, P. M., I. P. K. respondo garantiita.

☆ Atenton! — Mi deziras korespondi individue aŭ kolektive kun virinoj aktivaj partoprenantoj de la demokrata liberiga virina movado en la sekvantaj landoj: Francio, Britlando, Ameriko, Japanio, Ĉinio kaj ĉiuj malproksimaj kaj koloniaj landoj. Mi deziras interŝanĝi leterojn, materialojn, jurnalojn pri la batalo en la kapitalistaj landoj kaj pri la atingaĵoj en la popoldemokrataj landoj. La leterojn sendu al str. Tri Uŝi 15 — Sofia, Tinka Lakova.

**ĈEĤOSLOVAKIO**

☆ **Esperanto ekspozicio** malfermita la 25. VI. 1950 Bv. sendi librojn, broŝurojn, gazetojn bildkartojn kaj aliajn materialojn al: Klimza Emilo, Dolni Skĉhá II. 30, Silezio

☆ D. Svozilek, Mezimlaty 300, Kyjov, dez. koresp. intŝ. pm. k. ĉ. landoj. Luboŝ Batak, studento, Stalinova 44, Slapanice Brno, dez. korespondi kun gejunuloj de la tuta mondo, intŝ. pk. pm. Respondas tuj kaj ĉiam.

☆ Kelkaj junaj gesamideanoj dez. korespondi kun junuloj tutmondaj. Adreso: Bjiha Stanislaw, Telce 121, p. Klobuky, Ĉ. Ĉeĥoslovakio.

☆ Mi deziras interŝanĝi fotografaĵojn de dombestoj kaj pejzaĝojn aŭ vidaĵkartojn el la tuta mondo. Mi antaŭe dankas! Havel Josef, Libnatov — 117 p. p. Upice — Ĉeĥoslovakio.

☆ Josef Kulkus, 20-jara asistento en drogejo, Moheinice na Morave dez. koresp. kun tuta mondo.

**POLLANDO**

☆ Andersz Miczyslaw Wroclav „16" ul. Gornicza $^5/_5$ — studento de komerca Akademio dez. korespondi kun ĉiuj landoj pri ĉiuj temoj, interŝanĝas p. m. k. bildkartojn. Respondo certa.

**ITALIO**

☆ F-ino Beatriĉe Brogioni Via Giacomo Zanella № 36 Firence.

☆ F-ino Federica Conti, Chiasso Ricasoli № I Firence

☆ P. Rosseti Via V. Cobona 21, Milano — oficisto 20 jara deziras korespondi.

Presejo ESPERANTO, Tri uŝi, 15, Sofio.



